# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** H Hodler. †

**Direktoro de UEA :** Robert Kreuz.

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


**ENHAVO :**




**XXX-a Jaro N° 412**

**DECEMBRO 1934**


# 1859 - 1934

Nia laboro estas malfacila, nia vojo longa kaj ofte interrompata per marĉoj de malklereco, per arbaroj de indiferenteco. Por ne perdi la ĝustan orientadon, por ne devoji, necesas bonege atenti. Necesas de tempo al tempo halti, ĉirkaŭrigardi, zorgeme eksplori la situacion. Necesas ekzameni la vojon iritan kaj provi studi la vojon sekvotan.

La laboro tamen estas urĝa — ni ne rajtas halti laŭvole. La datreveno de l'naskiĝo de la iniciatoro de nia movado estas certe la plej deca, la plej konvena okazo por meditado pri nia laboro, pri niaj sukcesoj, pri aplikitaj kaj aplikotaj metodoj. Aparte la nunjara jubilea 75a datreveno.

La rezultoj de homa agado havas ĉiam nur relativan valoron. Por ilin prijuĝi estas bezonata mezurilo, reala aŭ teoria. En nia kazo la plej bona analizilo estas la opinio de Zamenhof, lia opinio kaj lia animstato.

Do, ni demandu nin, kia estus la rilato de nia majstro al la nuntempa pozicio de la movado, se li estus ankoraŭ inter ni.

Certe, la lingvo ne estas ankoraŭ grandstile enkondukita en la praktikan vivon ; la esperantistoj ne estas tiel dense semitaj, kiel estis atendite antaŭ du jardekoj ; en diversaj landoj regas en niaj vicoj konfliktoj kaj malpaco ; sinsekvaj krizjaroj senfortigis nian centran organizon. Bildo ne tre ĝojiga. La impreso tamen tuj aliiĝas, kiam ni konsideras la duan pesilteleron.

Aro da faktoroj konvinke atestas, ke niaj malsanoj estas supraĵaj, niaj mankoj — lokaj kaj tempaj. Per viglaj kaj rapidaj paŝoj marŝas antaŭen la disvastiĝo de nia lingvo. La malutilo, siatempe kaŭzita al la helplingva ideo de la multenombraj entreprenemaj lingvo-kreintoj estas nun tute forigita, la ideo mem sendaĝerigita kaj forte bazita, niaj rivaloj — kie ili estas ?

Fervoraj kaj spertaj manoj kuracas nian centron kaj starigas ĝin sur sanan, racian kaj sekuran bazon. Ĉiulande sindonemaj, oferemaj kaj lertaj adeptoj zorgas pri kondiĉoj, ebligantaj pluajn sukcesojn.

Dr. Esperanto estus konfirmita en sia espero.

Kun certeco kaj kuraĝo ni festas la jubilean naskiĝtagon de Zamenhof. En ĉiuj landoj, en ĉiuj kontinentoj niaj samideanoj kunvenas por denove kaj denove provi desegni kaj penetri la luman personecon. La personecon de tiu simpla kaj modesta homo, kiu tute ne konata sukcesis el sia studĉambro venigi en la mondon novan senton, elsendi fortan vokon.

M. Movo (Parizo).

# NIA MISIO

Se la mondkatastrofo de la jaroj 1914-1918 ne estus okazinta, eble finita jam estus nia laboro kaj atingita la celo, eble jam nun en ĉiuj lernejoj de la mondo Esperanto estus devige instruata. La mondmilito efikis je Esperanto, kiel ondego je boato — ĝi rejetis ĝin reen al la bordo kaj la boato devas refari la vojon, iam jam parte faritan. Sed la ondego, kiel ajn furioza, ne rompis la boaton — la remistoj repuŝis sin sur la akvon kaj remas al la plena maro.

Esperanto suferis pro la milito, kiel ĉiuj kulturaj movadoj. Ne nur tial, ke multaj plej noblaj apostoloj kaj disĉiploj pereis en la sanga uragano. Kaj ne nur tial, ke la ekonomia krizo sekvis la mondmiliton, kiel teruran monstron ŝekvas ĝia terura ombro, ke malgrandiĝis la valoro de la mono, malkreskis la oferkapablo de la samideanoj, kaj severaj leĝoj, kvazaŭ mordemaj hundoj, ĝenas la cirkuladon de la riĉajoj kaj ilian alfluadon en la kason de la centra esperantista organizajo.

La supre-nomitaj kaŭzoj estas gravaj, tre gravaj, kaj oni ne povas fermi kontraŭ ili la okulojn. Tamen, se ne tiel rapide, kiel ni dezirus, iras antaŭen nia afero, se la iam faritan vojon ni devas iafoje refari kaj bati per martelo de persvadoj fermitajn kapojn kaj korojn — ekzistas kaŭzoj aliaj, multe pli gravaj, ol la ekonomiaj.

Tion, kion ignoras multaj esperantistoj, instinkte rentas la tuta mondo : ke Esperanto ne estas nur lingvo, sed ankaŭ standardportanto de nova homara sento, ke ĝi enkorpigas kaj esprimas la spiriton de la intergenta komprendeziro kaj simpatio. Kaj tio ĉi estas aferoj, kiujn la hodiaŭa mondo rigardas strabe, malfide.

Farante la bilancon de la mondmilito, oni kutimas paroli pri la milionoj da mortigitoj kaj vunditoj kaj pri la miliardaj monsumoj, kiujn kostis tiu krima frenezajo. Sed tio ĉi estas bilanco nekompleta. La milito mortigis ne nur la vivojn de milionoj. Ĝi ankaŭ venenis la spiritojn de milionoj. En milionoj da mensoj ĝi revivigis la pratempan blindan kulton de forto kaj la kredon, ke tiu estas prava, kiu montriĝis pli forta. La interpopola frateco, la solidareco de la homa gento, la bona volo en la internaciaj rilatoj — ĉio tio fariĝis nebulo, fumo, ĉio tio nun ŝajnas al milionoj nereala babilado, naiva fabelado por plenkreskaj infanoj. La sangaj bataloj ŝanĝis la homojn en bestojn, sed la sangoverŝado ĉesis, kaj la besteco ne ĉesis. Ĉar ne ĉesis tiu terura malamo, simila al rabio, kiu igas la homojn ĉiam mordopretaj. Forte, pli forte, ol antaŭe, staras la muroj inter la dividitaj popoloj.

Suspektinda ŝajnas ĉio, kio penas bori tiujn murojn. Suspekta estas ĉiu vorto, kiu predikas la homaran fratecon, amon al la politikaj malamikoj. Se Kristo revenus hodiaŭ en la mondon kun sia evangelio de amo kaj paco, eble oni malliberigus lin, kiel danĝeran revoluciulon, en iu izoltendaro. Kaj en tia tempo, en tia mondo, al tiaj homoj ĉu Esperanto povas ne ŝajni suspekta ?

Tiu ĉi spiritstato estas la plej granda malamiko de Esperanto. Ĝi baras la vojon al nia Afero pli, ol ĉiuj organizaj, monaj kaj personaj problemoj.

Kontraŭ tiu ĉi spiritstato ni devas batali. Kiel longe ŝovinismo regas en la mondo, kiel longe ĉio internacia estas al ĝi abomena, Esperanto ne havas ŝancojn de venko. La batalo pri la pli internacia mondspirito estas kune la batalo pri la Esperanto mem — kaj la batalo pri Esperanto logike ne estas apartigebla de la batalo pri la pli vasta, pli homara mondkoncepto.

Al tiu spirito de l' intergenta komprendeziro kaj simpatio, kiu stimulas kaj kuraĝigas nin en nia laboro, ni donas kutime la nomon : La Interna Ideo de Esperanto.

La lingvo internacia kaj ĝia interna ideo ne estas du aferoj apartaj, el kiuj oni povas, laŭ sia plaĉo, unu kaŝi en tirkeston kaj montri al la homoj nur la alian. Ili formas unu vivantan tuton, kies korpo estas la lingvo, kaj animo — la spirito. Se oni volus disigi la korpon de la animo, restus nenio, krom putronta kadavro. Se en lokomotivo ni estingos la fajron, kiamaniere ĝi iru antaŭen, eĉ kun akvoplena kaldrono, eĉ sur plej perfektaj reloj ?

Batalante pri Esperanto ni ne penu kaŝi kaj sufoki ĝian movodonan fajron — la ideon. Ni devas kulturi ĝin, ne ignori. Ni devas apostoli tra la mondo ne nur la lingvon Esperanto, sed ankaŭ tion, por kio ĝi estis kreita — la interpopolan interproksimiĝon kaj simpation. Kaj ni neniel laciĝu aŭ senkuraĝiĝu en tiu batalo, ĉar ĝi estas por ni batalo pri vivo aŭ morto. Ve al nia Afero, se revenos la sanga premsonĝo de la homaro. Por longaj, tre longaj jaroj ĝi prokrastigos la venkon de Esperanto !

La apostoladon ni komencu de ni mem. Oni ne povas inspiri al aliaj la sentojn kaj kredojn, kiujn oni mem ne havas. Ankaŭ en niaj propraj vicoj la milito semis konfuzon kaj multon renversis. La ŝovinistaj tendencoj vidiĝas iafoje eĉ inter la esperantistoj. Okazas iafoje, ke la esperanta forumo estas scenejo de naciambiciaj konkuradoj !

Ni ne permesu, ke la naciaj ambicioj levu la kapon inter ni. Ĉi tiu hidro, kiu de miljaroj malpacigas la mondon, ne kuraĝu enŝovi inter nin siajn ungegojn. Kia malvenko kaj bato por la homara penso estus, se inter ni, la standardportantoj, ĉiu penus glori sian nacion super la aliaj, meti la gvidon de nia movado en la manojn de siaj samnacianoj, kaj eble eĉ transtiri la centron de la movado en sian landon. Esperanto estas kreita, por ke la popoloj sentu sin egalaj unu kun la aliaj, ne por ke per ĝi ili penu leviĝi unu super la aliajn.

Ĉu tio ĉi estas kontraŭa al la patriotismo ? Neniel ! La plej bona patrioto estas tiu, kiu deziras pacon al sia lando, dum la ŝovinismo akrigas la rilatojn kaj nepre kondukas al malpaco. Tio, kion ni, esperantistoj, proklamas al la mondo, ne kontraŭstaras la veran patriotismon ; ĝi nur vekas en la animoj senton pli altan ankoraŭ, la amon al la homara patrujo. Tion ĉi bonege esprimis Grabowski : « Kaj same fidelaj al hejma altar', ni sentas nin filoj de l' tuta homar' ! ».

Hodiaŭ la mondo devas aŭ sufokiĝi, kiel avida hundo per osto, per la ŝovinistaj tendencoj, kiuj en ĝi premas kaj bolas, aŭ forĵeti ilin, kiel venenan putraĵon. La mondo ne ignoras la gravecon de tiu elekto ; senesprime eble, interne ĝi konscias, ke tio estas la [illegible] inter la vivo aŭ morto. Ne kuraĝante ankoraŭ rompi definitive kun la dogmoj de miljaraj antaŭjuĝoj, ĝi kune tremas pro teruro, vidante, kion ili kaŭzis, kaj pensante, kion ili povas ankoraŭ kaŭzi en la estonteco. Kaj tamen mankas al ĝi la kuraĝo fari la decidan paŝon, mortigi la malamon kaj rompi la armilojn.

Necesas, ke homoj, ne timantaj mokojn kaj insultojn, kuraĝigu la mondon kaj laŭte proklamu al ĝi la malnovan veron, ke paco konstruas, malpaco detruas. Paco estas kompreno. Kaj ĉar komprenon ni portas al la mondo, tial estas nia natura devo, rekte ligita kun nia senpera tasko, levi la standardon de l'Paco super la sange ĉifitajn standardojn de l' dividitaj popoloj.

La mondo estas hodiaŭ kvazaŭ dronanto. Malespere ĝi kaptas ĉian iluzion de l' savo, ĝi kaptas la proverban razilon kaj armas sin ĝis la dentoj, por sekurigi al si... pacon ! Sed la

armiloj kapablas nur murdi, ne senarmigi, same kiel vipuro kapablas nur venenpiki, ne balzami la vundon.

Supozu ke persono, kiu kapablas naĝi, vidas dronanton kaj ne rapidas lin savi. Li respondos antaŭ tribunalo, ĉar li lasis la homon en danĝero. Ĉu ne estas miloble pli krime lasi la homaron en danĝero, dum en nia mano troviĝas la savzono — la rimedo de l' interkompreniĝo ? Kiel peza estos nia konscienco, se ni malzorgos tiun devon, kaj kiel severa nepre estos la juĝo !

Se Esperanto venus en la mondon en iu benita epoko de universala paco, ĝi estus nur lingvo. Sed Esperanto enpaŝis la mondarenon en la tempo, kiam tiu areno similas al la sangaj arenoj de la antikvaj romanoj. Tio montras, ke laŭ la volo de la destino, Esperanto, aperinte antaŭ la mondo en la nuna epoko, havas mision, kiun ĝi devas plenumi. Tiu misio estas — akceli la Universalan Pacon.

De tiu misio ni ne forkliniĝu. Ni laboru ne nur, por disvastigi la internacian vortaron kaj internacian gramatikon. Ni laboru, kuraĝe kaj malkaŝe, por ke dank' al la lingvo internacia pli bonaj rilatoj ekregu inter la infanoj de l' homaro.

Lidja ZAMENHOF.

---

# Dr. Esperanto's International Tongue

En historio de Esperanto estos ĉiam treege gravaj la unuaj libroj, eldonitaj de Dr. Esperanto en Varsovio dum la jaroj 1887-1888.

Ili estis broŝuroj po 40 paĝoj kaj 48 (franca kaj germana), skribitaj en lingvoj naciaj por rusoj, poloj, francoj, germanoj kaj angloj. Laŭ ekstera formo ili ĉiuj estas similaj : en griza paperkovrilo kun surpresita titolpaĝo. Laŭ enhavo ili konsistas el Antaŭparolo (6 paĝoj) kaj tri ĉapitroj, kie Dr. Esperanto analizas problemon de lingvo internacia. Unua ĉapitro konsistas el tri paĝoj, la dua havas 12 paĝojn kaj entenas modelojn de lingvo internacia, kiel sekvas : I. Patro nia. 2. El la Biblio. 3. Letero. 4. Mia penso. 5. El Heine. 6. Ho, mia kor'. Lasta ĉapitro havas 9 paĝojn kaj pritraktas propagandan kaj organizan problemon. Aldone al teksto sekvas 4 paĝoj kun surpresitaj 8 kartetoj t.n. Promesoj ellerni la lingvon kaj fine sur 5 paĝoj troviĝas Kompleta lernolibro de lingvo internacia. Aparte estas algluita ĉe lasta paĝo de ĉiu broŝuro granda kunfaldita folio kun vortaro, konsistanta el 918 radikoj, afiksoj kaj finaĵoj.

En tia formo elflugis en la mondon la lingvo Esperanto.

Teksto rusa, pola, franca kaj germana, preparita de Zamenhof mem estas senriproĉa. Malpli sperta estis Dr. Esperanto en lingvo angla kaj tial eldono por angloj estis preparita kun helpo de ia anonima J. St. sub titolo : International Tongue. Preface and complete method.

Kiam tiu ĉi varsovia eldono por angloj el 1888j. (dato de cenzuro 12 de januaro) atingis Anglujon, ĝi vekis plej strangan impreson, pro multaj eraroj kaj ĝenerala fuŝeco de la lingvo. Oni atentigis Dr. Esperanto, ke propagandi projekton de lingvo internacia per tia broŝuro en Anglujo estas ne eble kaj ke ĝi kompromitas la aŭtoron. Sekve de tio Zamenhof neniigis tutan stokon de International Tongue kaj kun helpo de irlanda adepto R. H. Geoghagen, studento en Oxford, estis preparita nova eldono sub titolo Dr. Esperanto's International Language. English edition by R.H. Geoghagen kaj jen tiu ĉi eldono fariĝis fundamenta por propagando kaj instruado de Esperanto en Anglujo.

La malagrabla afero de International Tongue estis likvidita ĝisfunde kaj tiom sekrete ke ne restis postesignoj de tiu ĉi fakto ne nur sur angla merkato sed eĉ en la historio de Esperanto.

Dro E. Privat en sia verko pri historio de Esperanto mencias, ke unua priesperanta broŝuro por angloj estas tiu ĉi de Geoghagen kaj tute mankas ĉe li informo ke ĝin antaŭiris je kelkaj monatoj alia broŝuro nome International Tongue. Same estas en Enciklopedio de Esperanto, kie sub Britujo oni mencias nur R.H. Geoghagen kiel unuan aŭtoron de esperanta broŝuro por angloj.

Kaŭzo de tia historia eraro estas ekstrema malofteco de la broŝuro International Tongue. Dro Privat persone diris al mi ke li ion aŭdis pri neniigita eldono de la unua libro por angloj. Li pro tio zorge traserĉis bibliotekojn kaj arkivojn en Ĝenevo, en Parizo kaj en Varsovio ĉe familio Zamenhof, sed nenie trovis materialon pri tiu ĉi afero kaj tial prisilentis ĝin en sia verko. Malpli pravigitaj estas aŭtoroj de Enciklopedio de Esperanto, sinjoroj Kökény kaj Bleier, ĉar dum Antverpena Kongreso en 1928j. la subskribinto prezentis al Prof. Collinson el Edinburgo la broŝuron International Tongue kaj li konsciante historian gravecon de ĝi, en la akceptejo metis afiŝon sciigante siajn samlandanojn ke mi prelegos pri la broŝuro International Tongue kaj montros ĝin. Tio okazis en salono de Somera Universitato post prelego de Dro. Mesny.

Mia prelego vekis ĝeneralan interesiĝon precipe de S-ro Robert Robertson el Londono prezidanto de Brita Esperanto Asocio. Li iniciatis serĉadon de broŝuro International Tongue. Biblioteko de B.E.A. ne posedas ĝin sed unu ekzempleron (kopion) oni trovis en British Museum kaj unu ekzempleron en universitata biblioteko de Oxford. Do nuntempe estas konataj tri ekzempleroj de tiu ĉi broŝuro.

Sur dorsa kovrilpaĝo de la Dua Libro de Dr. Esperanto, eldonita en Varsovio 1888j., dato de cenzuro 18 januaro, troviĝas : « nomaro de l'verkoj pri la lingvo internacia, kiuj eliris ĝis hodiaŭ » kaj inter ili estas citita International Tongue, do eĉ laŭ tiu informo Dro E. Privat povis en sia historia verko mencii pri ĝi.

Ankaŭ interesa estas la detalo, ke sur eldono por rusoj, poloj, francoj, kaj germanoj Zamenhof skribas : Lingvo internacia estas kiel lingvoj naciaj publika propraĵo, aŭtoro rezignas por ĉiam ĉiajn personajn rajtojn koncerne ĝin. Tiu noto mankas en angla eldono, kontraŭe oni trovas vortojn : Property of the editor.

Ĉe International Tongue indikita estas presejo Warsaw Ch. Kelter, Nowolipie Str. Nr.11, cetere la sama kiel ĉe pola eldono, dume en eldono, prilaborita helpe de R.H. Geoghagen ni trovas : Warsaw L. Samenhof, Przejazd 19.

Laŭ historia vidpunkto estus tre interese, se iu bona konanto de angla lingvo farus komparan studon inter la unua kaj dua broŝuro por angloj.

DRO JAN MEDRKIEWICZ.

# La Problemo de Tutmonda Malarmado

**Kun ĉi tiu numero ni komencas la publikigon de serio da artikoloj pri tre aktuala mondproblemo, kiu devas interesi ĉiujn kulturhomojn. La pseŭdonima aŭtoro estas konata jugoslava literaturisto kaj politikisto, simpatianta kun nia movado. La disvastigo de la artikoloj en Esperanto okazas en la atendo, ke nia lingvo helpos al diskonigo de la vidpunkto de l'verkinto tra la tuta mondo.**

---

I

## ĈU MALARMADO?

La movado kaj malgaja fino de malarmadaj traktadoj maltrankviligis la popolojn de ĉiuj kvin kontinentoj. Maltrankviligis ilin la gazetaro per siaj klarigadoj de multnombraj oficialaj komunikoj kaj per la senmaskigo de postkulisaj bataloj.

Nur malmulte da elektitoj havas enrigardon en tiujn postkulisajn luktadojn. Kaj tiuj silentas. Ĉu estas la vero tiel terura, ke ĝi ne devas publikiĝi inter la vastajn rondojn de popoloj? Ĉu ekzistas danĝero, ke la popolaj sanktecoj subite polviĝus, se oni malkovrus la pravan vizaĝon de malarmadaj traktadoj? Kio tamen okazas post la kulisoj, se ne temas pri malarmado?

Kial ĉiuj ŝtatoj tiel rapidas asertadi sian pacemon kaj samtempe ili armiĝadas? Ni, kiuj ne sopiras je oro kaj persona signifo, devas esti premataj de la plej grandaj zorgoj pro la «Malarmada» stato.

Ni scias, ke ĵus pro la ludado de kontraktoj, forte falis la jura sento en interrilatoj inter la ŝtatoj. Tial ankaŭ de ĉiuflanke unuvoĉa frapa respondo, ke la ŝtatoj armiĝas pro tio, ĉar ili sentas sin danĝerigataj kaj ili ne kredas pri pacaj deklaroj de siaj najbaroj.

Pli sobra pripensado de malarmadaj traktadoj nin alkondukas al la konkludo, ke esence ne temas pri malarmado, sed pri nova «ekonomia» milito, kiun diktas unuflanke la ekonomia ekspansio kaj duaflanke la mizero.

Sed en kies intereso estu, ke denove ekfuriozu la milita furio per ĉiuj siaj atributoj? *Al kiu utilu la kapturnigaj sumoj, necesaj pro ekstermo de la homaro kaj nuligo de la civilizacio?*

Ni konas tiujn ĉiopovajn Krezojn antaŭ kies riĉeco kaj potenca influo ĉio tremas. Tiuj Krezoj ne estas plu unuecaj. Ili inter si riske ludadas kaj kiam estos fino de tiu riska ludo, ili pelos la popolojn al batalo, promesante al ili okaze de venko grasan rekompencon.

*Juste la hodiaŭa malarmada stato troviĝas en la stadio de tia riska ludo.*

II

## ARMADA KONKURADO

Aspektas, ke ne povas veni al daŭra trankviligo inter la popoloj antaŭ ĉio pro la grandkoncerno, kiu nomiĝas «armada industrio». Tiu industrio havas en ĉiuj ŝtatoj grandegan — se ne la plej fortan — influon. Ĝia financa forto estas konata, ĝiaj akcioj estas samtempe la plej sekura barometro por la ĝusta taksado de mondstato kaj precipe de la pacstato. Tiel ekzemple en londona borso tiuj akcioj pro la videbla malsukceso de ĝeneva malarmada konferenco forte kreskis en sia valoro, kio signifas, ke *la armada industrio troviĝas denove sur la venka vojo.* Sekvo de tiu decidema faktoro estas, ke hodiaŭ ĉiuj ŝtatoj rapidas armiĝadi per freneza rapideco, kiel se temus pri iu internacia reklama konkurado pro la plej noblaj celoj. Kvankam ĉiuj jam nun estas super la normalo armitaj, kaj per senĉesa armiĝado ĉiam pli de tiu normalo malproksimiĝas.

Nur parteto de tiu supernormala armado estu liberigata kaj subite gajnus milionoj da homoj laboron, salajron kaj almenaŭ homindan vivon. Liberigataj estus grandegaj kapitaloj per kiuj oni facile povus entrepreni utilegajn, grandegajn, jardekojn daŭrantajn investiciajn laborojn. Tiamaniere oni laŭ la plej sukcesa maniero forigus kaj entute malebligus la nuntempan senlaboron kaj kreskantan mizeron. Ĝuste el tiuj motivoj ni energie kontraŭas al la tiel nomata armada konkurado. Ĉar ju pli intensive oni haltigas tiun konkuradon kaj ju pli rapide oni alkondukas la armadon en harmonion kun normalaj postuloj, des malpli granda ekestos la neceso eĉ rilate al la defenda armado kaj ĝi konstante malkreskados.

La superflua armado estas ankaŭ antaŭ ĉio, se ne la ĉefa, kialo de grandaj ŝtataj deficitoj kaj de minacantaj bankrotoj! Ĉiu armado signifas en la paca epoko tute senfruktan investicion de kapitaloj. Ju pli longe daŭras la paco kaj armado, des pli senfrukta fariĝas tia amasigo de kapitalo kaj per tio ankaŭ ĉiam pli danĝera ĝia deprenado al vivbezonoj de ŝtata kaj popola ekonomio. Nur la milito povus tiujn mortajn kapitalojn aktivigi, sed entute ne ankaŭ rentabiligi ilin. Kaj ĝuste pro tio, ĉar tiuspeca kapitalo estas ĉiam tre malsekure enmetita, estas bezone por ĝi pagadi eksterordinare altajn rentumojn! Ju pli longe daŭras tia «paca» epoko de armiĝado, des pli granda fariĝas ĉie la ekonomia krizo.

Tute logika konsekvenco de hodiaŭa ekonomia krizo estas en ĉiuj fakoj la plialtigita malsekureco de enmetoj, tial ankaŭ la longedaŭraj investicioj kvazaŭ malaperis. Pri tio atestas eksterordinare malgranda nombro de emisioj, ĉu de privataj ĉu de ŝtataj. Ankaŭ la mallongeco de atingeblaj pruntoj estas tre karakteriza, ĉar «la kapitalo» ne kredas al la daŭro de ekzistanta stato respektive al ĝia pliboniĝo. Tiu malfido de kapitalo fundamentas je la fakto, ĉar oni devas konsideri, ke ĝuste la kapitalo estas la plej informita faktoro sur la mondo. En tio ankaŭ kuŝas la kialo de signifa ĝia «translokiĝado», kiun ni observadis dum la lastaj jaroj.

Ĉar ĝuste la kapitalo estas la plej bona klariganto de hodiaŭ plej aktuala asekura demando, ni facile povas al ni imagi, kion ĉio tio signifas. Pli ol klare estas, ke ankaŭ la normala interŝanĝado de bonaĵoj inter la popoloj estas ebla nur en atmosfero de internacia fido kaj paca dispono. Tiun fakton konfirmas sennombraj komercaj *kontraktoj* dum la lasta tempo. Ilia daŭro estas emocie mallonga. La deziro de mallongeco estas ambaŭflanka, *ĉar ja neniu scias, kio okazos morgaŭ* ! *Ekonomiaj cirkonstancoj* — movilo de la vivo — montriĝas en la tuta sia malklareco *ankaŭ sur la politika kampo*, kiun ĝuste lastmomente kaptis *signifa nervemo* !!! Kie, kiamaniere trovi eliron el la krizo ?

*Nur detruo de malhelaj fortoj*, al kiuj la stato en kiu ni troviĝas estas utila, povus subite ŝanĝi ĉiujn rilatojn inter la popoloj, povus liberigi amasajn moralajn kaj ekonomiajn fortojn, nun ligitajn, kaj meti ilin en la servon de homa komuno. Ĝis kiam tio ne estos atingita, la tuta mondo vagados antaŭen en nuna mallumo kaj ankaŭ nian eksteran kiel internan vivon ampleksigos la pasia *necerteco*. Kontraŭ la monda necerteco estas *unu sola rimedo: paco* !!!

J.K. Belltyn.

## La germana vidpunkto pri la rasproblemo

Inter la multaj demandoj, kiuj hodiaŭ movas la mondon rilate al la nova Germanujo, staras en eminenta loko la okupiĝo je la germana vidpunkto pri la rasproblemo kaj je ties politikaj konsekvencoj.

Kiel hodiaŭ en Germanujo oni vere rigardas la rasproblemon kaj kiel oni traktas ĝin en la praktika politiko, tion montras en la sekvantaj linioj kelkaj frazoj el traktaĵoj kaj paroladoj de kondukantaj viroj de l' nova Germanujo, nome de l'estro de la raspolitika oficejo de la reganta Nacisocialista Germana Laborista Partio, de la germana ministerio por internaj aferoj kaj fine de la Ŝtatgvidanto mem.

En sia traktaĵo « Rasideo kaj mondpolitiko[1] skribas D-ro Gross, la estro de la raspolitika oficejo de la NSDAP :

« ... La konsekvencoj de l' rasa vidpunkto de la nacia socialismo tute neniel kondukas al kondamno aŭ malŝato de iu ajn alia rasgrupo, sed nur al la objektiva konstato, ke la rasoj fakte estas interne kaj ekstere malsamaj. El tio sekvas nenio alia ol nura ekkono, ke ĉiu tia raso rajtas, pretendi por si en sia pura esteco la vivon en tiu ĉi mondo, sed ke aliflanke la malklarigo de la limoj inter ili kaj la aliaj rasaj grupoj estas la plej danĝera kaj plej grava peko kontraŭ la vivo kaj tial evitenda... »

Kaj ĉu la respekto al la propra valoro de la fremdaj, ankaŭ de la koloraj rasoj povas esti pli granda, ol tion esprimis la sekvanta parolado de D-ro Frick, la germana ministro por internaj aferoj, kiun li faris pri la raso-leĝdono de l' Tria Regno[2] la 15an de februaro 1934 kaj en kiu la konservo de l' raspureco de la gentoj ĉe ĥinoj kaj japanoj estas starigata kiel modelo por la germana prirasa zorgado :

« ... La germana raso-leĝdono ne volas juĝi pri la boneco kaj la valoro de aliaj popoloj kaj de aliaj rasoj. Nia Führer mem diras tion en sia verko *Mein Kampf*[3] : « Estas vane, disputi pri tio, kiu raso aŭ kiuj rasoj estis la unuaj portantoj de la homa kulturo kaj pri tio la veraj iniciantoj de tio, kion ni entenas per la vorto : homeco. » Sed ni germanoj inklinas al la opinio, ke ankaŭ aliaj fieraj popoloj havas la saman vidpunkton kaj principe rigardas grave tion, ke ilia rasa strukturo restu kiel eble plej malfalsigita kaj malmiksita. Rigardante ekz. la plejelektitajn malnovjapanajn kavalirgentojn, la nobelfierajn samurajojn, aŭ la kulton de l' praulo j ĉe la ĥinoj, ni trovas en tio modelojn por ni mem, kiuj bezonis specialan raso-leĝdonon, por esti ree memorigataj al siaj plej sanktaj bonoj... »

En sia parolado okaze de l' datreveno de la nacia releviĝo, la 30 januaro 1934 la kanceliero de l' Germana Regno, Adolf Hitler, diris :

« ... La nacisocialista rasideo kaj ĝia fundamenta ekkono pri la rasoj ne kondukas al malpliŝato aŭ malplivalorigo de aliaj popoloj, sed kontraŭe al la ekkono de la tasko, taŭge konservi kaj progresigi la vivon de l' propra popolo. Tiel ĝi kondukas devige al la natura respekto al la vivo kaj esteco de aliaj popoloj. Per tio ĝi liberigas la eksterpolitikan agadon de tiuj pruvoj, subigi fremdajn homojn, por poste regi ilin kaj eĉ kiel nurajn nombrojn enkorpigi ilin en la propran popolon per lingva devigo. Tiu nova ideo starigas la taskon, same forte kaj fanatike sinfordoni al la vivo kaj per tio al la honoro kaj la libereco de la propra popolo, kiel ankaŭ respekti la honoron kaj liberecon de aliaj. Tial tiu ideo povas esti pli bona bazo por la aspirado al vera pacigo de la mondo, ol tiu nur per la potenco planita kaj praktikita diferencigo de l' nacioj laŭ venkintoj kaj venkitoj, laŭ rajthavantoj kaj senrajtaj subigitoj.... »

E. W.

---

[1] En la revuo « Ziel und Weg » (Celo kaj vojo) 17a kajero, novembro 1933.
[2] Germanujo sub nacisocialista reĝimo.
[3] V.s. : Mia Batalo (Fundamenta verko pri la ideoj de Aldolf Hitler).

## La plej antikva urbo de l'mondo

El la lastaj sciencaj esploroj rezultas, ke la ruinoj de Tiahuanaku en Bolivio atestas, ke tiu urbo rajtas esti konsiderata kiel plej antikva en la tuta mondo. Ĝi estis jam dumiljara kiam ĝi falis en ruinojn jarmilon antaŭ Kristo.

Oni ne scias, kio kaŭzis tiun katastrofon, ĉu tertremo, ĉu elfluo de la lago Titikaka, ĉu lavango, glitfalinta el la Andoj. Ĝis nun estis neeble klarigi tion, kaj probable neniam oni sukcesos senvualigi tiun ĉi misteron.

La ruinoj okupas vastan areon kaj ili pruvas, ke Tiahuanaku estis urbego, vera metropolo plena de luksaj palacoj. Ĉefaj ruinoj estas la Fortikaĵo aŭ Palaco Akapana, la Templo al la Suno aŭ Kalasava, kaj la palaco de la Dek Pordoj aŭ Tunka-Punku. Krome vidiĝas dislokitaj granda nombro da restaĵoj, ŝtonaj statuoj, kaj ruboj de monumentoj tute nerekonstrueblaj. Nuntempulo ne povas eĉ imagi la gradon de civilizo atingitan de tiu popolo. Ĉiupaŝe prezentiĝas problemoj nesolveblaj. Kio estas tio ĉi ? Kion signifas tiu bela skulptaĵo ? Kiel interpreti tiun strangan kalendaron ? Ho, se oni sukcesus paroligi la ŝtonon ! Sed ĝia silento gardas la misteron, kaj oni ne povas eliri el la kampo de la hipotezo.

La Palaco Akapana estis konstruita piramidforme sur artefarita monteto alta 60 metrojn. La piramido staras sur rektangula bazo de 500 metroj kaj estas ĉirkaŭ 60 metrojn alta. Se ĝi ne estas perfekta nun, ne estas ja dubo, ke ĝi estis tia en sia primitiva epoko, kaj ke ĝiaj difektoj estas kaŭzitaj de l'tempo.

La tiahuanakuanoj adoris la sunon. Jen la sola scio pri ilia religio, sed la hieroglifoj skulptitaj ĉe la Pordo de l'Suno, lastatempe deĉifrataj de arkeologo Ponansky post pli ol dudekkvinjara studo, kaj aliaj postsignoj supozigas, ke ili posedis profundan konon pri astrologio. La Templo al la Suno, kiu troviĝas je mallonga distanco de la Fortikaĵo, estas ĉirkaŭata de granitaj kolonoj.

Oni supozas (ĉiam la hipotezo !), ke grandega ŝtonpeco, ŝtuparforma, kiu troviĝas en la orienta flanko de la templo, estis la oferaltaro. Ĉe la supera loko, ambaŭflanke, staras altaj granitaj kolonoj, kies surgravuraĵojn grandparte detruis la jarcentoj. La signoj kaj linioj restintaj estas enigmo.

Iom pli malproksime de ĉi tiu amaso da ruinoj troviĝas la restaĵoj de Tunka-Punku aŭ Palaco de la Dek Pordoj. Fervoj-konstruistoj detruis milojn da tunoj de statuoj por fabriki cementon. Ĉi tie la detruo akiris proporciojn vere punindajn. La hispanaj konkerintoj, unuaj eŭropanoj, kiuj vizitis tiun monumentajn ruinaĵojn, ne atentis pri ilia graveco, kaj la samon faris la postaj generacioj, kiuj daŭrigis la detruan laboron de la jaroj, dispeciginte statuojn kaj monumentojn por privataj celoj.

Sed nun la afero ŝanĝiĝis. La scienco malfermis la okulojn, kaj la bolivianoj ĉesigis la detruadon. Oni konstruis muzeon, kie estas konservataj relikvoj de tiu miljara civilizacio, elfosataj en senĉesa laboro. Ne estas dubo pri tio, ke Tiahuanaku atingis tre altan gradon de civilizo, kaj, kiel dirite, rajtas okupi la ĉefan lokon inter la prahistoriaj urboj.

Malfeliĉe ne malaperis ankoraŭ la vualo, kiu kovras la misteron de ĝia ekzisto.

L. Sepulveda Cuadra, LK,
Santiago de Chile (Ĉilo).

---

# Universala Esperanto-Asocio

### Raporto de la Sekcio de Eksteraj Aferoj

*Daŭrigo de l'raporto de la Sekcio de eksteraj Aferoj. Vidu ankaŭ la n-rojn 408/9. Pro tro abunda materialo ni ne povis daŭrigi la publikigon de ĉi tiu raporto, kiel antaŭvidite, en la oktobra/novembra numero de ESPERANTO. La fino aperos en januaro.*

III

Ni kunlaboris kun la Internacia Polica Ligo por iniciato ĉe la kunveno de la Internacia Kriminal-Polica Komisiono en Vieno.

Ni intervenis por kontraŭstaro al kontraŭula iniciato en la Internacia Kongreso de Aktuaroj (Asekur-matematikistoj) en Romo (Majo 1934). Ni povis certigi la situacion de Esperanto, favorata de tiu ĉi organizo.

La ĉefa okazintaĵo estis la

*Internacia Konferenco Vieno 1934 (19-24 majo)*

*Esperanto en la Lernejon kaj la Praktikon.*

Ĝia iniciatinto estas S-ro Kalkula Konsilisto R. M. Frey en Vieno. Liaj prepar-laboroj celis kunlaboron inter la urboj Vieno kaj Budapesto kaj la registaroj de Aŭstrio kaj Hungarlando. Pro retiriĝo de la Budapestaj instancoj la tuta aranĝo estis koncentrita je Vieno en intima kunlaboro kun la registaro de Aŭstrio. Estis formita speciala prepara komitato, kiu konsistis el S-ro Reg. Konsilisto Hugo Steiner, Sekcia Ĉefo D-ro Fr. Uebelhör, Kalkula Konsilisto R. M. Frey, ĉiuj en Vieno, kaj S-ro Rob. Kreuz, direktoro de UEA en Ĝenevo. La konferenco estis organizita sub la protekto de l'Konfederacia Prezidanto de Aŭstrio, S-ro Vilhelmo Miklas kaj sub la Honora Prezido de l'Kanceliero de Aŭstrio, S-ro D-ro Engelberto Dollfuss.

La Ministro por Komerco kaj Trafiko (Ŝtat-sekretariejo por Fremdultrafiko) disponigis la necesan monon por la preparaj laboroj. Honora Komitato, konsistanta el ministroj, aŭtoritatuloj kaj eminentuloj, kunsubskribis la inviton.

Estis invitataj partopreni en ĉi tiu konferenco el la kampo de komerco kaj industrio : komercaj ĉambroj, foiroj, ekonomiaj unuiĝoj de ĉiu speco, komerc-lernejoj kaj fak-asocioj ; el la kampo de trafiko : fervoj-kompanioj trafik-unuiĝoj,

entreprenoj de ŝip- kaj aer-veturado, radio-kompanioj, hotel-organizoj; el la instrua sfero: instru-aŭtoritatoj, universitatoj, altlernejoj, instruistaj organizoj, film-kompanioj kaj klerig-asocioj. La partopreno de instru-ministerioj, plue de ministerioj de trafiko, fervojo kaj de poŝto estis antaŭvidita kaj la partopreno de kelkaj registaroj certigita.

La sekretariejo en Vieno dissendis ĉ. 8000 invitojn en 10 lingvoj. La Trafika Ministerio aperigis fald-prospekton pri Aŭstrio kun speciala reklamo por la Konferenco.

S-ro Reg. Kons. Steiner dum pluraj monatoj senhalte kaj senlace laboris por sukcesigi la konferencon. Li gvidis ĉiujn lokajn kaj eksterajn preparojn. S-ro Kreuz okupis sin pri la starigo de l' labor-programo, livero de la adres-materialo kaj pri la varbado interne de la movado per korespondo kaj rilataj artikoloj en la esp. gazetaro.

La internacia politika situacio ne tre favoris la entreprenadon. Ankaŭ interne de la movado prezentiĝis ĉiuspecaj malfacilaĵoj; plej ĝena estis la komenca inerteco de la esp. organizaĵoj al tia grava iniciato. La ĉeforganizantoj de la konferenco trapasis sufiĉe malagrablan, laciga n kaj nervecigan periodon, antaŭ ol malfermiĝis la konferenco. Tamen lastminute la intereso kreskis ĉie. Rondcifere 400 personoj, korporacioj, pluraj ministerioj, ktp. el 25 landoj enskribiĝis kiel partoprenantoj.

La solena malfermo okazis dimanĉon la 20 majo 1934 en la granda salono de l'Parlamento, ĝis tiam nur dufoje disponigita por tia aranĝo. Ĉirkaŭ 1100 personoj ĉeestis la solenon, inter ili oficialaj reprezentantoj, diplomatoj kaj konsuloj, eminentaj membroj de la Viena Societo, ktp. Post mallonga enkonduko de S-ro Reg. Konsil. Steiner kaj bonveno de reprezentanto de l'urbestro al la konferencanoj, la Konferenco estis malfermita oficiale de S-ro Fr. Stockinger, aŭstria ministro de komerco kaj trafiko, konata delonge kiel granda amiko kaj favoranto de Esperanto. Sekvis la programo de bonveno kaj salutoj en nacia lingvo kun tuja traduko en Esperanton. S-ro Kreuz tradukis libere el germana, franca, hispana kaj portugala lingvoj. Pluraj delegitoj tradukis sin mem en Esperanton. La traduk-tekniko kaŭzis grandan sensacion kaj la gazetaro multe parolis pri ĝi. La festparto aŭdigis prologon de konata viena literaturisto, Kolonelo Psenner. Krom tio la famaj Vienaj Ĥorknaboj aŭdigis la aŭstrian kaj la esperantan himnojn, plue kantojn de Schubert. En la dua parto landa instru-inspektoro Kortega-Konsil. D-ro Wollmann parolis pri la temo « Esperanto kaj la lernejo ». Kort. Konsil. Prof. D-ro. Inĝ. Petritsch, profesoro de la teknika altlernejo, pritraktis la vidpunkton de scienco kaj tekniko koncerne Esperanton. D-ro Inĝ. E. Wüster kiel reprezentanto de la regna unio de la industriuloj de Aŭstrio parolis pri la internacia normigo kaj la rolo de Esperanto en ĝi.

Dum 3 antaŭtagmezoj okazis labor-kunsidoj, kiuj pritraktis la sekvantajn temojn: Esperanto, peranta lingvo: 1.) La facila Esperanto, 2.) Esperanto la unua fremdlingvo kiel bazo por la instruado de fremdlingvoj, 3.) Esperanto kiel kodo de interkompreno kaj kiel lingvo de korespondado, 4.) Esperanto kiel internacia trafiklingvo, 5.) Esperanto kiel sola traduklingvo en internaciaj intertraktadoj, kongresoj, konferencoj, 6.) Esperanto kiel lingvo de senpera traktado.

Je la 4-a antaŭtagmezo estis prezentitaj la diversaj rezolucioj, kiujn la konferenco direktis al registaroj kaj publiko.

Dum la posttagmezoj okazis ekskursoj, vizitoj, akceptoj, ktp. La 23 majo 17 delegitoj parolis nacilingve kaj en Esperanto de el « Radio-Vieno » pri siaj impresoj en Aŭstrio.

La konferenco ĝuis la apartan favoron kaj honorigon de ĉiuj oficialaj instancoj de la lando. Ni devas aparte mencii la modelan kaj sukcesplenan helpon de la diplomatiaj reprezentantoj de Aŭstrio rilate la propagandon por partopreni ĉe eksterlandaj institucioj. S-ro Reg. Konsil. Steiner povis prezenti la konferencanojn al la ŝtat-prezidanto, S-ro Miklas. La instru-ministro von Schuschnigg honorigis la konferencanojn per invito al intima teo. Ĉeestis i.a. la ministroj Dollfuss, Vaugoin, k.a. La vicurbestro de Vieno bonvenigis la konferencanojn en la impona urbdomo. Multan rekonon kaj aprobon trovis la laŭcela program-aranĝo, kiu posttagmeze ebligis refreŝiĝon por la posta matena laboro.

La ekskursoj ebligis tre bonan kaj agrablan kontakton inter la konferencanoj; dum ili ankaŭ restis tempo por ideinterŝanĝo pri la temoj pritraktataj kaj tio nerekte faciligis la laboron mem.

Nia asocio ŝuldas multan dankon al la Prepara Komitato pro la ampleksa laboro farita, unuavice al S-ro Reg. Konsil. Steiner, kiu modele kaj sinofere klopodegis por atingo de la celo. Nian dankon ni samtempe direktas al ĉiuj, kiuj kunhelpis al sukceso de la tuta entrepreno. S-ro Prof. Inĝ. Scholze el Reichenberg-Liberec, kiu tiel lerte prezidis preskaŭ ĉiujn labor-kunsidojn, meritas apartan rekonon.

La konferenco fariĝis unika sukceso. De taŭga eluzo de la rezulto dependas multo por nia afero. Estas projektite, aperigi broŝuron kun la kompleta materialo pri la konferenco.

*Kontraŭuloj*

Se en antaŭaj raportoj ni povis konstati, ke nenia danĝero plu estas timota niaflanke de aliaj helplingvo-sistemoj, ni mencias la ĉapitron pro nura kompleteco.

Kompreneble tie kaj tie izolaj idisto aŭ okcidentalisto, kvazaŭ vokanto perdiĝinta en la dezerto, varbas por ido aŭ okcidentalo. Ni ne havas rimedojn malhelpi, ke li tion faru ĝis lia vivofino. Sed jam la publika opinio ne plu estas erarigebla. Estas nekontestebla fakto, ke oni hodiaŭ parolas nur pri Esperanto, kiam oni serioze pritraktas la temon. Oni jam konas la vastan aplikadon de nia lingvo kaj konkludas logike, ke nia pozicio estas certigita.

Post kiam en Usono kaj Britujo mem tre malfavoraj juĝoj estis donitaj pri Basic English, nia propagando neniel estis influita. Certe ni neniam povos eviti, ke estu citataj en gazet-artikoloj, diskutoj, a.s. la ekzisto de aliaj helplingvaj sistemoj. Kontraŭe ni povas nur deziri, ke oni komparu ilian mizeran estadon kun nia movado, por konatiĝi kaj konvinki pri ĝi.

Flanke de tio estas necese, ke ni konstante observu la kampon kaj defendu nin, kiam tio estas necesa.

En kelkaj landoj, sub premo de politikaj okazintaĵoj, nia lingvo ofte estis prijuĝita netaŭga, kontraŭ-nacia, komunista, bolŝevista, a.s. instrumento. En aliaj okazoj nia movado estis karakterizita kiel burĝa, faŝisma, reakcia, ktp. Necesis interveno ĉie, por klarigi la situacion, pruvi la neŭtralecon de nia organizo kaj montri, ke Esperanto estas nenio alia ol helpilo por la internacia interkompreno.

*Lernejoj*

(Instruistoj kaj Lernejoj)

v. Internacia Konferenco Vieno 1934
s. Kongr. & Konferencoj

*Polico*

Nia agado limiĝis je kunlaboro kun la Internacia Polica Ligo, nun regule funkcianta. Por la Konferenco de Vieno aparta polica delegacio estas starigita por okupiĝo pri fakdemandoj, pritraktataj en la Konferenco, kunlabore kun S-ro polic-inspektoro Schwartz — Strasbourg.

La Ligo nun regule aperigas propran organon « Internacia Polica Bulteno », eldonitan kaj redaktitan de S-ro Schwartz.

Krom tio estas sendita al ni multobligita bulteno de la Amikaro de Oficistoj Esperantistaj de Polico en Francujo kaj Kolonioj « La Franca Policisto ».

La I.P.L. decidis starigi polic-teknikan vortaron sub gvidado de D-ro Locard, direktoro de la polic-teknika laborejo en Lyon (Francujo). Aparta labor-komitato estas formita por tio.

La direktoro de UEA promesis sian personan helpon kiel membro de la Lingva Komitato.

Okaze de nia vojaĝo tra la Hispana Respubliko, ni havis la plezuron konstati en Santander, ke policanoj, parolantaj Esperanton, portas la Esp. flagon kiel distingilon sur la brakumo. Cetere ĉiu policano parolanta Esperanton krom tio ricevas monatan alpagon al sia salajro pro tiu ĉi scio. Tiu ĉi sukceso estas ŝuldata al nia modesta, sed fervora samideano, S-ro Urbano Gomez Collado, policano, delegito de UEA en tiu ĉi urbo. Ekzemplo nepre imitinda !

*Poŝto kaj Telegrafio*

En la nuna agadjaro la aktiveco de « Ilepto » estis treege limigita ; ni restis en komuniko kun ĝi kiel antaŭe.

Ni daŭrigis nian klopodon sekurigi la sukceson, atingitan lastjare en *Hungarujo.* La aperintaj poŝtkartoj oficialaj kun teksto en hungara, franca kaj esperanta lingvoj (komparu la jarraporton de ICK 1932/33) trovis ĉie grandan atenton. Tuj post apero de la kartoj ni organizis vastan diskonigon per la nacilingva gazetaro kun la duobla celo, propagandi por Esperanto kaj fari turisman reklamon por Hungarujo. La tekstoj dissenditaj al la gazetaro pere de niaj delegitoj, korespondantoj, kunlaborantoj aŭ aliaj helpantoj estis konforme redaktitaj. Ni devas konstati, ke komence la intereso pri la afero ne estis tre vigla. Necesis fari energian alvokadon por komprenigi la gravecon de ĉi tiu sukceso. Kvankam ni esperis atingi multe pli, fine la rezulto atingita tamen estis kontentiga.

En 3 taŭge aranĝitaj dokumentaroj ni povis submeti al la ĉefdirekcio de la reĝaj hungaraj poŝtoj la tutan gazetaran materialon. Ĝi ampleksis eltranĉaĵojn en la sekvantaj lingvoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| | | transporto | 263 |
| 1. angla | 15 | 18. kataluna | 2 |
| 2. araba | 3 | 19. korea | 1 |
| 3. bulgara | 9 | 20. kroata | 5 |
| 4. ĉeĥa | 4 | 21. litova | 2 |
| 5. dana | 34 | 22. malaja | 6 |
| 6. Esperanto | 18 | 23. nederlanda | 30 |
| 7. finlanda | 2 | 24. persa | 1 |
| 8. flandra | 16 | 25. pola | 3 |
| 9. franca | 47 | 26. portugala | 18 |
| 10. germana | 42 | 27. romanĉa | 2 |
| 11. greka | 4 | 28. rumana | 7 |
| 12. hispana | 47 | 29. serba | 1 |
| 13. hungara | 12 | 30. siria | 1 |
| 14. ĥina | 3 | 31. slovena | 1 |
| 15. itala | 5 | 32. sveda | 10 |
| 16. java | 1 | 33. turka | 1 |
| 17. jida (judgerm.) | 1 | 34. ukraina | 2 |
| transporto : | 263 | entute | 356 |

La eltranĉaĵoj venis el la sekvantaj landoj :

1. Acoroj
2. Anglujo
3. Argentino
4. Aŭstralio
5. Aŭstrio
6. Belgujo
7. Brazilo
8. Bulgario
9. Ĉeĥoslovakio
10. Danujo
11. Egipto
12. Fed. Malajo-Ŝtatoj
13. Finlando
14. Francujo
15. Germanujo
16. Greklando
17. Hispanujo
18. Hungarujo
19. Ĥinujo
20. Italujo
21. Jugoslavio
22. Javo
23. Kanariaj Insuloj
24. Koreo
25. Liĥtenstejno
26. Luksemburgo
27. Maroko
28. Martiniko
29. Meksiko
30. Monako
31. Nederlando
32. Nov-Zelando
33. Persujo
34. Polujo
35. Portugalujo
36. Rodo-Insulo
37. Rumanujo
38. Saarteritorio
39. Sudafriko
40. Svedlando
41. Svislando
42. Tasmanio
43. U.Ŝ.A.
44. Urugvajo.

La tuta rezulto do estis :

*356 eltranĉaĵoj en 34 lingvoj el 44 landoj*

*(25 Eŭropo, 18 transmaro) de 5 kontinentoj.*

Kvankam nia movado kapablus atingi pli favoran statistikon — pluraj landoj aŭ lingvoj ne estas enhavitaj aŭ povus esti pli forte reprezentitaj —, la tuta rezulto tre impresis al la hungaraj aŭtoritatoj. La ĝenerala direkcio de la reĝaj hungaraj poŝtoj per leteroj de l'25.10.1933, 30.12.1933 kaj 30.3.1934 esprimis sian dankon kaj rekonon pro la farita servo. Ni reproduktas ĉi tie en traduko la leteron de l'30 marto 1934 :

Ĝenerala Direkcio de l'Reĝaj
Poŝtoj de Hungarujo — Budapest, 30 marto 1934.

Sinjoro Direktoro,

Mi ricevis kun granda plezuro la novan kolekton, entenantan la gazet-eltranĉaĵojn pri la ilustritaj poŝtkartoj, eldonitaj de mia administracio, dokumentaro, kiun vi havis la afablecon transdoni al mi per via letero de l' 23 marto, kiel novan pruvon pri viaj klopodoj disvastigi la ekziston de tiuj kartoj kaj, krom tio, la konon pri nia lando.

Mi ĝojis aparte, sciiĝi, ke la Brazila Poŝtadministracio, imitante la hungaran ekzemplon, ankaŭ povis realigi grandan sukceson per siaj kartoj kaj intencas eldoni novan serion.

Mi deziras al via estonta laboro ĉiun prosperon kaj mi tre vigle dankas vin pro la klopodoj favore al la diskonigo de la ilustritaj hungaraj kartoj.

Esprimante al vi miajn sincerajn dankojn pro la interesa tria dokumentaro sendita, mi petas vin, Sinjoro direktoro, akcepti la certigon de mia plej alta estimo.

S-ro Rob. Kreuz,
Direktoro de Univ.
Esperanto-Asocio,
*Ĝenevo*

La Ĉefdirektoro :
G. Barono de Szalay.

La dank-letero de la ĉefdirektoro de l' reĝaj hungaraj poŝtoj estas valora rekona dokumento por ni. La organizo de la afero samtempe montras, kiamaniere ni devas sekurigi niajn sukcesojn. Ni deziras aldoni, ke per tio kompreneble ne finiĝis nia agado. Plia klopodo estas farita por pruvi la efikon de la eldono de tiuj kartoj kaj proponoj kaj sugestoj estas donitaj al la nomita aŭtoritato por pruvi niajn intereson kaj volon valorigi la aferon sur bazo de reciprokeco.

Ni tre esperas, ke la aktivaj samideanoj ne mankos helpi al ni solidare por la definitiva sekurigo de ĉi tiu sukceso.

# Esperantismo

## LA PREZIDANTO DE UEA 65-JARA

La prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio, Intendanto-Generalo, Komandoro de Honora Legio, S-ro Louis Bastien, festas en ĉi tiu monato la sesdekkvinan datrevenon de sia naskiĝtago.

Esperantisto jam de 1902, li apartenas al la nun malmultenombraj unuaj pioniroj de la movado. Al la unuaj pioniroj, plenumintaj taskon, aparte malfacilan kaj aparte gravan. Unu el la plej sindonemaj francaj propagandistoj, li estis elektita vicprezidanto de SFPE kaj tiel fariĝis gvidanto de unu el niaj plej eminentaj naciaj societoj.

En Stokholmo, kiam multaj samideanoj perdis la kapon, li estis tiu, kiu konsentis akcepti la malfacilan, gravan kaj respondecplenan oficon — esti en la kriza nuntempo la kapo de la tutmonda esperantista movado.

Niajn korajn bondezirojn !

## ROLLET DE L'ISLE

S-ro Rollet de l'Isle, unu el la plej konataj nuntempaj esperantistoj, ĵus festis la sepdek kvinan datrevenon de sia naskiĝtago.

Pli ol tridek jaroj de senlaca, de seninterrompa fruktodona servo al nia movado. Pli ol tridek jaroj de vigla agado sur plej respondecaj postenoj, de klopodoj por disvastigo, defendo, pliriĉigo de nia lingvo, de zorgo pri ĝia pureco. Pli ol tridek jaroj de sukcesplena propagando per vorto kaj plumo en rondoj plej gravaj, plej influaj, plej malfacile alireblaj kaj empreseblaj.

Membro de la Lingva Komitato jam en 1909. Unu el la estroj de la " Internacia Scienco-Revuo », membro de la Internacia Scienca Asocio Esperantista kaj poste ĝenerala sekretario kaj direktoro de la Teknika kaj Scienca Komisiono de la Asocio, direktoro de la Sekcio de Teknikaj Vortaroj, Akademiano kaj poste Prezidanto de la Akademio. Unu el la plej agemaj membroj, de la komenco ĝis la fino, de la Internacia Centra Komitato (ICK), dum dek du jaroj Prezidanto, poste Vicprezidanto kaj nun Honora Prezidanto de la Franca Esperanto-Societo (SFPE).

Krom elstaraj broŝuroj, multenombraj komunikoj al sciencaj asocioj, diversaj artikoloj ktp., S-ro Rollet de l'Isle — estante Ĉefa Hidrografia Inĝeniero de la Franca Maristaro — publikigis ilustritan « Provon de Marista Terminaro », kiun sekvis la « Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj » kaj poste bazita sur la tie starigitaj reguloj « Esperantista Nomenklaturo de Ĥemio » kaj la fama « Scienca Fundamenta Esperanta Terminaro ».

Jen la mallongigita karakterizo de la granda Esperantisto, al kiu en Stokholmo estis aljuĝita la titolo de Honora Membro de UEA. Okaze de la reorganizo, decidita en Stokholmo, li estis ankaŭ elektita Membro de la Komitato de UEA.

Lia modela agado daŭras ankoraŭ hodiaŭ, malgraŭ la rajto al ripozo, kiun donas al li la aĝo. La favora sorto permesu al ni multajn pluajn jarojn ĝui lian kunlaboron, lian helpon, lian subtenon.

M. Movo (Parizo)

## *Kroniko*

### LA HUNGARA SKOLTA ASOCIO OFICIALE POR ESPERANTO

La Hungara Skolta Asocio oficiale alvokis ĉiujn hungarajn skolttrupojn anonci la nomojn de tiuj, kiuj deziras lerni Esperanton, klarigante la klopodojn de la esperanta skolta rondo. Oni devus proponi al ĉiuj skoltasocioj agi simile kaj oni povas atentigi ilin, ke la Hungara Skolta Asocio donas premion al tiu hungara skolta trupo, kiu plej bone progresas en Esperanto dum unu jaro.

### Esperanto en jugoslavaj mezlernejoj

Per speciala dekreto (de 9 oktobro 1934, numero 35923) la jugoslava instruministerio permesis al S-ro Dolfa Bartosik de la Ĉe-instituto gvidi Esperanto-kursojn en ĉiuj mezlernejoj kaj pedagogiaj institutoj de la Danuba regiono.

### *PROPAGANDA HELPO DE « VU »*

La bone konata Pariza semajna ilustrita revuo VU (Paris, 65-67, Champs-Elysées), kiu disvastiĝas en multaj centmiloj da ekzempleroj, publikigis en la numero de 5 decembro la fotografaĵon de la prezidanto de UEA, S-ro Intendanto-Generalo Louis Bastien.

### *ELO FRATERNAL*

Oficiala organo de la Internacia Rondo de Amikeco en Bahia, Brazilo, enhavas artikolojn en Esperanto, destinitajn al eksterlandanoj por propagandi la internacian pacifismon kaj amikecon.

### *INTERNACIA ĴURNALO ENKONDURAS ESPERANTON*

La semajna ĵurnalo EUROPEAN HERALD eldonata en Londono kaj ĝis nun redaktata en la angla, germana, franca, hispana kaj itala lingvoj, decidis aldoni Esperanton al la lingvaro uzata. La Esperanta sekcio naskiĝis kun la numero de 28 Septembro, kaj redaktas ĝin S-ro Fred Wadham, L.K., Brita Ĉefdelegito de UEA.

La enhavo de la ĵurnalo estas interesa por ĉiu Esperantisto, kaj lingvostudantoj trovos ĝin tre utila. La Esperantan sekcion oni daŭrigos nur, se montriĝos intereso flanke de la samideanoj. Okaze de forta subteno, oni pligrandigos la Esperantan parton.

« European Herald » estas vendata de gazetvendistoj en preskaŭ ĉiuj landoj. Tiuj, kiuj ne sukcesas ĝin aĉeti, sendu respondkuponon (poŝtan aŭ de UEA) al « European Herald », 110, Fleet Street, London, E.C.4.

La 2an de novembro « European Herald », festis sian unuan datrevenon ĉe Hotelo Waldorf en London. Prezidis la hispana ambasadoro, Don Ramon Pérez de Ayala.

La plej interesa tosto estis proponita de S-ro Vernon Bartlett, radioparolisto kaj ĵurnalisto. Respondis pluraj personoj, interalie S-ro Fred Wadham en Esperanto. Ĉeestis multaj eminentuloj el rondoj diplomataj, lingvistaj kaj literaturaj.

## LUMBILDOJ PRI ESPERANTO

Hungara entrepreno estas preta farigi por societoj kaj lernejoj 60 lumbild-diapozitivojn sur filmrubando *pri la Esperanto-movado* por konigaj kaj *propagandaj paroladoj*. Antaŭe estus grave scii, ĉu propagandistojn kaj societojn interesus tia lumbild-serio, prezentebla per aparatoj, similaj al la kutimaj kino-aparatoj. *Sciigu do* al Hungara Skolta Esperanto-Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor-u. 6. Prezo estos verŝajne sv. fr. 5.—, sed ankaŭ pruntebla.

### Brazilo

S-ro Ismael Gomes Braga, delegito de U.E.A. por komerco en Rio de Janeiro kaj malnova ano de B.L.E., sendis dum la monato Marto al 250 enlandaj jurnaloj cirkuleron kun la peto ke ili malfermu kurson de Esperanto. La cirkuleron akompanis al li mem adresita poŝtkarto por la respondo. Li ricevis konsentan respondon de la direktoroj de pli ol 100 jurnaloj kaj jam konstatis ke la jenaj publikigas la kurson : « Mundo Espirita kaj « Aurora , en Rio de Janeiro ; « O Amigo do Matuto », en *Rio Branco* ; « O Estado de Baia », en *S. Salvador*, « O Municipio », en *Santo Amaro*, « O Comercio », en *Valenca*, « O Combate », en *Conquista*, « A Razao », en *Castro Alves*, « O Pharol », en *Niteroi*, « A Somana », en *Madalena*, « Brasil Novo », en *Itaperuna*, « A Uniao », en *Santa Adelia*, « A Voz do Povo », en *Ourinho*, « Mensageiro do Orphao », en *Sao Manoel*, « A Epoca », en *Palmeiras*, « O Momento », en *Pirassinunga*, « O Progresso de Tatuhy », en *Tatui*, « A didade de Monto Aprazivel », en *Monte Aprazivel*, « Araraquara Ilustrada », en *Araraquara*, « O Taquaryense », en *Taquari*, « A Alvorada », en *Pelotas*, « O Popular », en *Santiago do Boqueirao*, « O Carangola », en *Carangola*, « Correio de Minas », en *Juiz de Fora*, « Gazeta de Minas », en *Lima Duarte*, « A Voz da Mata », en *Manhuassu*, « Correio de Mathias » en *Matias Barbosa*, « O Sol », en *Santos Dumont*, « Sao Gotardo », en *Sao Gotardo*, « O Correio » en *S. Joao del Rei*, « Arauto do Sul » kaj « O Sul Mineiro », en *Varginha*, « A Cidade », en *Perdoes*, « Gazeta de Uberaba » kaj « Lavoura e Comercio » en *Uberaba*, « O Progresso, en *Cidado do Rio Preto*, « Correio de Coimbra », en *Coimbra*, « Semeador » el *Cuiaba*.

La 4an de Junio li sendis novan cirkuleron al 273 gazetoj kaj esperas baldaŭ rikolti la pluajn fruktojn de sia laborego.

Estas notinde, ke ĉiuj elspezoj, kiuj ne estas malgrandaj, estas faritaj de li mem.

Krom la kursoj, diversaj artikoloj por Esperanto de li verkitaj estas aperintaj lasttempe on « Oomoto Internacia », kaj en diversaj gazetoj, precipe spiritistaj.

## ESPERANTO EN PREĜEJO KAJ EN RADIO-TEATRAĴO

D-ro Laszlo *Ravasz* protestanta episkopo de Budapest dum prediko parolis pri tio, ke li ĝojas, se la junularo okupiĝas pri diversaj valoraj ideoj, kaj rimarkigis, ke multaj portas insignojn, ekzemple pri Esperanto.

La Radio de Budapest prezentis teatraĵon kun titolo « Valéria » de Dénes *Szantho*, en kiu estis menciata Esperanto. Muzikverkisto enamiĝas en knabinon, kiu ŝatas, sed ne komprenas la muzikon, tute na havante muziksenton. Ŝi tamen klarigas al li, ke ŝi povas kompreni lian muzikon, ĉar per la koro ŝi nehavante muziksenton komprenas la muzikon, simile, kiel per Esperanto ŝi interkompreniĝas en eksterlando, ne komprenante la lingvon de la tiea loĝantaro.

En kadro de la Landa Katolika Kunsido okazis festkunsido de la Landa Hungara Katolika Esperanto-Societo sub prezido de parlamentano Matyas *Frühwirl*, kiu promesis energian subtenon de Esperanto. Parolis pri diversaj temoj Julio *Baghy*, August de *Marczell* kaj Stefano de *Zöldy*.

## Nova tutlanda Esperanto organizo en Hungarujo

La Federacio de Sociaj Societoj komisiis profesoron Jozefo de *Mihalik* por organizi la diversajn hungarajn esperanto-societojn kaj izolulojn, kiuj deziras bazigi la movadon laŭ intereso de la nacio. La prepara komitato fondiĝis la 8-an de novembro sub prezido de eksministro D-ro Agost *Benárd*, kiu fariĝis prezidanto de la komitato. Oni decidis fondon de Hungara Esperanto Federacio, kaj la Federacio de Sociaj Societoj promesis subteni la klopodojn de la nova Federacio — post ĝia definitiva fondo — ĉe la registaro. El preskaŭ ĉiuj hungaraj esp. societoj la gvidantaro estas reprezentita. La komitatanoj faris solenan promeson plenumi ĉiam la ricevotajn taskojn.

## Ĉu la decido de la Skolta estraro estis rekomendo aŭ ne?

Kun intereso mi legis la deklaron de la direktoro de Internacia Skolta Oficejo, ke la decido de la Internacia Skolta Komitato ne signifis « malrekomendon » de Esperanto, sed nur tion, ke la Komitato ne povas rekomendi Esperanton al skoltoj *prefere al iu alia lingvo.*

Ĉar en la menciita kaj al ĉiuj skoltaj asocioj sendita decido la supra klarigo ne enestis, ĉie oni donis *nur tiun* sencon al la decido, *kion ĝi enhavas.* Jen kio aperis laŭvorte en la hungara skoltgvidanta revuo :

(el la decidoj de la Komitato)

« j) *La Komitato ne rekomendas al la skoltoj la lernadon de Esperanto, ĉar ĝi havas tre malmultan praktikan signifon.* »

La Skolta Esperantista Ligo devus peti la londonan oficejon, ke tiu sendu se ĝi volas esti lojala, sian klarigon al ĉiu skolta societo, ĉar la publikigita teksto de la decido certe ĉie malkuraĝigas la skoltojn lerni Esperanton, vidante, ke la Ĉefa Estraro « ne rekomendas » ĝin. Oni ja ne povas al ĉiu skolta asocio, eĉ malpli al ĉiu skoltestro, kiu legis la decidon, aparte klarigi, ke la « nerekomendo » ne signifas nerekomendon. Certe oni ne volonte subtenos kaj faros tion, kion la ĉefa estraro ŝajne ne ŝatas.

P. B. Budapest.

# Diversaĵoj

### Nova afiŝo de la Lyona Foiro

*La Lyon'a Foiro ĵus eldonis novan afiŝon.* Ni ricevis ekzempleron de la nova trikolora esperantlingva afiŝo de la Lyon'a Foiro. Ĝi mezuras 60 cm × 1 m. Post kelkaj tagoj la Foiro eldonos ankaŭ novajn tripaĝajn artajn prospektojn en esperanto. Por senpage ricevi la afiŝon kaj la prospekton, oni skribu al : Foire de Lyon, Esperanto Fako, rue Ménestrier, Lyon, Francujo.

---

ARCO-UNIO. Interesitoj pri la Tutmonda Unio por interŝanĝo de fotografaĵoj povas interrilati kun la direkcio de la Unio (Verlag A. Rodewald & Co, Kreiensen-Harz, Germanujo) esperantlingve. La Unio celas konatigi al ĉiu interesito, pere de fotografaĵoj, la belecojn de la mondo, la vivon kaj la vidindaĵojn el ĉiuj landoj. La eldonitaj albumoj faras tre bonan impreson kaj estas tute malkaraj.

### La Leipziga Foiro

La vizito de la Leipziga Foiro estas tradicia kutimo por ĉiu saĝa komercisto kiu volas plene informi sin pri la produktaĵoj de li vendataj. Dufoje en ĉiu jaro 160-180.000 aĉetistoj el ĉiuj partoj de Germanujo kaj de la mondo kunvenas en Leipzig, por aĉeti kaj mendi tion, kio estas plej favora laŭ prezo kaj kvalito. 8.000 ekspoziciantoj meznombre venas al la Foiroj Leipzigon, por profiti la tiean grandan aĉetodeziron.

Estas mirige, kiom multspeca estas la varoj prezentataj en la Leipziga Foiro. Estas 26 grandaj grupoj de fabrikaĵoj, kies ĉiu entenas multnombron da industriaj branĉoj. En 31 specialaj palacoj de l'urbinterno okazas la Specimenfoiro, kiu ampleksas precipe la tradiciajn grupojn, kiel ekz. ilaroj por domo kaj kuirejo, metalaĵoj (ĉirkaŭ 850 ekspoziciantoj); ludiloj (ĉ. 625); paperaĵoj, bildoj, libroj, kontoraĵoj (ĉ. 550); vitraĵoj, porcelanaĵoj, fajencoj, argilaĵoj (ĉ. 480) ktp. Samtempe okazas la granda Teknika Foiro kaj Foiro por Konstrufako. Maŝinoj ĉiuspecaj (ekz.: motoroj, ilarmaŝinoj, teksmaŝinoj, maŝinoj kaj aparatoj por la ĥemia keramika industrio, por la industrio de nutraĵoj kaj ĝunutraĵoj, elektroteknikaj produktaĵoj; foiro por teknikaj inventaĵoj kaj novaĵoj; la granda konstrufoiro, kiu entenas modelojn de stratoj, specialan ekspozicion por bezonaĵoj en tropikaj landoj por la loĝo en fremdlando, pretajn konstruaĵojn kaj ĉiujn necesajn materialojn por ili.

La Printempa Foiro okazos en Leipzig la 3. ĝis 10. de Marto 1935. Jen ree bona okazo por la eksterlandaj vizitantoj, por vidi kaj aĉeti varojn de plej bona kvalito, inter ili multajn novaĵojn. Sekve de la pliboniĝo de l'ekonomia situacio en la plej gravaj ŝtatoj la industrio montros ekspozicion ankoraŭ pli vastan ol en pasintaj jaroj. La malhelpoj de l'komerco kaj malfacilaĵoj pro devizoj estas forigeblaj ĉe la foirstando en persona interparolo kun la fabrikistoj aŭ pere de specialaj informejoj.

La oficiala Foirorenkontejo de la Esperantistoj (Johannisplatz 5 ŝtuparo II, 2a etaĝo) estas ĉiam je via dispono.

## La metaliza metodo Schoop

La metaliza metodo — eltrovita de la svisa kemiisto D-ro Schoop en Zürich — bazas sur la sekvanta principio : oni fandas metalon kaj ŝprucas ĝin perforte sur la metalizotan surfacon. La metala kovraĵo, tiel ricevita, estas homogena kaj densa, ĉar la metaleroj eniras en la plej delikatajn truetojn de la surfaco. La metalizo okazas per aparato, kiu havas la formon de pistolo kaj pezas 1 kg. Metala drato eniras en la pistolon; gasoj aŭ elektra forto, en la interno de la aparato, fandas la metalan draton; la fandita metalo, do likva, estas elĵetata per aerpremo de 3 atmosferoj. Oni povas uzi ĉian metalon : plombo, zinko, stano, kupro, aluminio,ofero. La zinkizo, kiel rimedo kontraŭ rusto, estas plej multe ŝatata; ĝin uzas depost du jaroj la uzinoj de la Svisa Federacia Fervojo kaj la elektra Gotthard-Fervojo. Precipe valoraj estas ankaŭ la aluminiizo, la kuprizo kaj la plumbizo.

La procedo havas aĝon de nur dek jaroj. Tamen ĝi ĉie en la mondo jam estas favore konata kaj tre multe uzata kiel vere praktika rimedo. La nomo de D-ro Schoop estas ligita al la historio de la metala tekniko, ĉar lia procedo okazigis revolucion en la metaliza scienco la elrovinto cetere estas varma amiko de la Esperanto-afero.

CARLO DAESCHLE.

## La revuo « Hindujo »

La trimonate aperanta revuo « *Hindujo* », redaktata de S-ino Erna Sindhwad, estas tre interesa jam pro la aparteco mem de la pritraktataj problemoj. Kvankam farita pere de multobliga aparato, la revuo, garnita de belforma kovrilo, bonege aspektas. — Unujara abono 8 fr., unu numero 2 fr. Adreso de la Redaktorino : 37, rue Vanderkindere, Uccle-Bruxelles (Belgujo), Poŝtĉekkonto No. 970.49.

## Esperanto en praktika Instruado

La Universala Lernejo (Ecole Universelle), 89, Boulevard Exellemans, Paris, XVI[e], Francujo, distribuigas per la franca poŝt-servo reklamilon, en kiu, inter la lingvoj instruataj — araba, angla, germana, hispana, itala kaj portugala — oni ankaŭ mencias Esperanton. Interesitoj povas peti la broŝuron N° 70.451 laŭ la indikita adreso.

### Estona radio favora al Esperanto

Pri favora sinteno de Estona radio al Esperanto montras, krom regulaj dissendoj, multaj intervjuoj al eksterlandanoj, du Esp. diservoj, Esp. literatura vespero, raportaĵoj el tutlandaj kantfestoj, multhoraj disaŭdigoj de la Tallinnaj postkongresaj aranĝoj laŭ deziro de la radiostacio mem ktp. F. Moor — afergvidanto de la programo kaj ĉefa anoncanto — anoncas ĉiun Esp. disaŭdigon ankaŭ esperante. Li kolektas nun en specialan arkivon la korespondaĵojn pri la Esp. disaŭdigo por pruvi al la programa komitato ilian utilecon. La skribintoj estos dankataj per la mikrofono dum mardaj disaŭdigoj Oni skribu al : Raadioringhääling, Tallinn (Estonio).

## Esperanta Festkunsido dum la Nacia Laborsemajno

Okaze de la Nacia Laborsemajno la Hungara Esperanta Pedagogia Societo aranĝis sian festkunvenon en la ĉambrego de le TESZ Federacio de Sociaj Societoj. La ĉambrego estis plena, ĉeestis proksimume 120 personoj. Prof. J. *Mihalik*, prezidanto de la societo malfermis la kunvenon, salutis la gastojn, inter ili parlamentanon M. *Frühwirt*, prezidanton de la Katolika Esp. Societo. Salutparolon faris vicprezidanto de TESZ. Poste eksministro D-ro A. *Benárd*, la patrono de la Societo parolis, kiel honora prezidanto de la kunsido. Prof. *Mihalik* faris paroladon pri esperanto-instruado en lernejoj, kiel pri nacia laboro, Prof. *Kökény* pri uzo de la lingvo en fremdultrafiko, Prof. *Ferenczy* pri nacia tasko de la gepatroj : instruigi siajn gefilojn esperante. Oni akceptis rezoluciojn prezentotajn al superaj instancoj pri instruado kaj uzado de la lingvo. Oni proponis, ke la rezoluciojn subtenu kaj transdonu la TESZ. La festkunsidon solenigis belega deklamado de Julio *Baghy*, kiu prezentis Petőfi, poemon tradukitan de *Kalocsay*, kaj la kanto de skolto Endre *Szikszay*. Preskaŭ ĉiuj gvidantoj de la budapeŝtaj neŭtralaj esperanto-societoj ĉeestis. La radio kaj la gazetoj antaŭe anoncis la kunsidon, kies sekvoj esperеble firmigos la pozicion de nia movado.

La Hungarlanda Esperanto Societo inaŭguris sian novan klubejon (V., Mérleg u. 2. ½), kiel ĉiu vendrede estas kunvenoj. La komforta agrabla ejo tre plaĉis al la vizitantoj, kiujn salutis vicprezidanto Prof. *Kökény*. Post deklamado de S-ro L. *Halka* ĉefdel. P. *Balkányi* detale klarigis la vivrajton de nia lingvo. Sekvis belega kantado de operkantisto *Edvi Illés*, kies bona voĉo kaj esperanta scio meritus grandan internacian publikon. La bonsukcesan vesperon finis provleciono de Julio *Baghy* laŭ *Cseh*-metodo kun bonhumoro kaj konvinkiĝo pri parolebleco de Esperanto.

### «Regno de Pensoj»

« *Regno de Pensoj* » estas la titolo de nova revueto, kies subtitolo tekstas : *De ĉiuj dependa organo de bono kaj belo.* La organo prezentas malgrandformatan okpaĝan fal dbroŝuron kaj enhavas pensojn de famuloj en plej malsamaj kampoj. Detalojn havigas : Esperanto, Mukaĉevo, Internat. ul. 42 (Ĉeĥoslovakio).

### Polaj Radiostacioj kaj Esperanto

La polaj radiostacioj vigle interesiĝas pri Esperanto. La januara programo enhavas paroladojn de Prof. D-ro Bujvid : Pri la Esp. Traduko de « Quo vadis ? », de Tad. Hodakowski : Interparoloj kun aŭskultantoj de E., de Dir. Bol. Walewski : Beleco de l'pola popola muziko, de Prof. D-ro Zerndt : La lando de nigraj diamantoj.

Sendante dankskribajojn al *Polskie Radio, Warszawa,* oni subtenos la Esp.-prelegojn.

## Internacia Polica Bulteno

estas polica fakjurnalo kaj la oficiala organo de la Internacia Polica Ligo. Ĝi enhavas teknikajn artikolojn kaj interesajn informojn pri la evoluo de la policfaka esperantista movado.

Demandu ekzempleron kontraŭ alsendo de respondkupono al : Internacia Polica Bulteno, 10 rue Engelhardt, Strasbourg-Meinau (Francujo)

---

## Esperanto en Kanadaj lernejoj

En oktobro de l'nuna jaro komencis la instruado en la unua klaso por Esperanto en la oficialaj lernejoj de Kanado kaj en la vespera klaso en la Universitato de Toronto.

De la 25a de Majo ĝis la 10a de Junio 1935, okazos en mia urbo *Internacia Ekspozicio de Fotografaĵoj,* kiun povos partopreni ĉiuj amator- kaj profesiaj fotografistoj. Kiel delegito de UEA mi invitas ĉiujn eksterlandajn samideanojn, kiuj faris interesajn ekspoziciindajn bildojn, sendi ilin al mi, kun klarigaj vortoj.

Mi tre deziras, ke *Per Esperanto,* tiu ekspozicio estu kiel eble plej « internacia ». Se *Per Esperanto,* mi sukcesos, ke multaj fotoj alvenu de eksterlando, tio havos utilegan efikon por pli ĝenerala aprobo al nia movado. La multnombraj vizitantoj konstatos, ke dank' al Esperanto la ekspozicio akiris la deziritan internaciecon. Ĝi montros al la organizintoj, kion kapablas nia UEA.

Mi do kalkulas je kunhelpo de multaj malproksimaj samideanoj.

Temas pri vere belaj fotoj. Oni zorgu pri bona pakado kaj sendu afrankite (eĉ registrite, se oni volas) al mia adreso. Post la ekspozicio, mi sendos la bildojn returne, same zorge pakitajn kaj senpage.

Oni tuj anoncu sin per poŝtkarto, dirante ĉu oni estas ano de iu foto-klubo (aldoni la nomon kaj adreson) aŭ ne.

*G. Sagel,* Delegito de *UEA,*
4, Rue St-Jacques, *Elbeuf* (Seine-Inf.), Francujo.

Represo permesata kaj dezirata tute aŭ mallongigite.

# Turisma Servo de UEA

## Polujo

La granda pollanda turisma societo « Detur » en Varsovio (Warszawa, Sienna, 4) fondis specialan servon por esperantistoj. Ĝi korespondas esperantlingve kaj disponigas spertajn gvidistojn, parolantajn Esperanton.

### Bingen

La Trafik-Unio de la bela apudrejna urbo Bingen eldo nis en kunlaboro kun la loka Esperantogrupo dukoloran sespaĝan faldprospekton en Esperanto kun interesaj ilustrajoj. Havebla de : Verkehrsverein Bingen-Rhein, Germanujo.

### Vich

Ni atentigas pri la fald-prospekto en Esperanto, kiun antaŭ nelonge aperigis la urbo Vich (Hispanujo-Katalunujo). Multkolora, arte kaj lerte farita ĝi tre bone impresas. Por senpage ricevi ekzempleron skribu al SINDICAT DE TURISME, VIC (Hispanujo-Katalunujo) aŭ al la Delegito de UEA en Vic (Vich).

# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1934

JBBAŇ : Kun fusilo kaj libro (Kun pafilo kaj libro). Eldonis Ekrelo, Amsterdam. 266 paĝoj. Formato 12,5 × 17 cm. Prezo : Ned. Guld. 1.25. (1934-45.)

STELLAN ENOGHLM : Infanoj en Torento. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 116 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo : broŝ. sv. fr. 2.—; bind. sv.fr. 3.20. (1934-46.)

DR. ANTON HEKLER : Arthistorio. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 104 paĝoj. Formato 15,5 × 23,5. Prezo : broŝ. sv.fr. 13.—; bind. sv.fr. 15.—. (1934-47.)

ANTONI SLONIMSKI : Mia vojaĝo en Sovetio. Eldonis Literatura Mondo, Budapest. 142 paĝoj. Formato 12,5 × 19 cm. (1934-48.)

OLIVE SCHREINER : Romano pri afrika bieno. Tradukis Stephen A. Andrew. Eldonis The Esperanto Publishing Comp. Ltd. London. 270 paĝoj. Formato 12,5 × 18,5 cm. Prezo : bind. 6 ŝ., broŝ. 4 ŝ. 6 p. plus afranko 6 p. (1934-49).

CHARLES DIKENS : La vivo de nia Sinjoro Jesuo. Eldonis The Esperanto Publishing Comp. Ltd. London. 118 paĝoj. Formato 17 × 22,5 cm. Prezo : 6 ŝ. plus afranko 6 p. (1934-50.)

STEVAN ZIVANOVIC : Rečnik, Esperanto Srpskohrvatski. Eldonis : Jzdavako Preduzeće « Privrednik », Beograd. 168 paĝoj. Formato 10 × 15,5 cm. (1934-51.)

*** Manuel de Conversation à l'usage des touristes. Eldonis Alliance internationale de Tourisme, Bruxelles. 116 paĝoj. Formato 13 × 20 cm. (1934-52.)

VARMA THILANDER : Che la lulilo. Eldonis : Blindulinstituto « Regho Aleksandro I-a » Zemun. 36 paĝoj. Formato 10,5 × 15 cm. (1934-53.)

GUNNAR FURHAMAR : La religiaj cirkonstancoj en Svedujo. Eldonis Svenska Missions- förbundets förlag Stockholm. 48 paĝoj. Formato 13,5 × 19 cm. Prezo : öre 75. (1934-54.)

SELMA LAGERLÖF : Gösta Berling. Traduktis Stellan Engholm. Eldonis Soc. Esperanto Förlangsfören, Stockholm. 551 paĝoj. Formato 14 × 20 cm. (1934-55.)

THEODOR STORM : Imenlago. Eldonis Ĉina Mondlingva Librejo Peiping. 78 Paĝoj. Formato 12,5 × 18,5. Prezo sv. fr. 0.90. (1934-56.)

JULIO MANGADA ROSENÖRN : Amelia kaj Marina. Eldonis Chulilla kaj Angel, Madrid. 166 paĝoj. Formato 16 × 22 cm. Prezo sv. Fr. 3.—. (1934-57.)

A. SCHWARZ : 8 semajnojn en la Lando de l' granda plano. Eldonis Ukraina Naciminorita Eldonejo, Kievo. 61 paĝoj. Formato 12,5 × 17,5 cm. Prezo : kp. 30. (1934-58.)

MIECZYSKWA GUTERMANA : Encyklopedyczny Slownik Esperancko Polski. Eldonis Esperanta dla wszystkick, Warszawa. 16 Paĝoj. Formato 12,5 × 17,5 cm. Prezo Zl. 2.—. (1934-59.)

E. LANTI : Absolutismo. Eldonis SAT kaj FLE, Amsterdam. 16 Paĝoj. Prezo F.F. 1.—. Formato 15,5 × 23,5 cm. (1934-60.)

JAMES ROBBIE : The Esperanto Home Student. Eldonis The Esperanto Publishing Comp. Ltd. London. 48 paĝoj. Formato 11 × 17 cm. Prezo 5 p. plus afranko 9 d. (1934-61.)

*** Nokkel Til Esperanto. Eldonis Universala Esperanto Asocio, Genève. 31 paĝoj. Formato 7,5 × 11 cm. Prezo Ore 25 (1934-62.)

GG. SAPUNĜIEF : La mondo en la radioj de la verda stelo. 80 paĝoj. Formato 15 × 21,5 cm. Prezo 15 levoj. (1934-63.)

JOSEF ZANNER : L'Eŭropanismo. Eldonis « UŜE-EĤO » Timisoara (Rumanujo). 32 paĝoj. Formato 11,5 × 15 cm. (1934-64.)

M. ROLLET DE L'ISLE : L'Initiation à l'esperanto, 2me Ed. Eldonis Belga Esperanto Instituto Anvers. 77 paĝoj. Formato 13,5 × 21 cm. (1934-65).

HANS JOACHIM PLEHN : Sägen-Wörterbuch. Eldonis Verlag Internat. Holzmarkt. Wien I. 32 paĝoj. Formato 4,5 × 21 cm. Prezo : Abono S. 2.— Ne abono S. 3.— (1934-66).

STJEPAN MIŜAK : Malgranda Adamo. Eldonis Stjepan Miŝak, Sabainye Mahallesi 68 Adana (Turkujo). 38 paĝoj. Formato 8 × 10 cm. Prezo 25 Piastroj. (1934-67).

G. P. DE BRUIN : Wat ieder van Esperanto weten moet. Eldonis Federatie van Arbeiders Esperantisten, Amsterdam O. 23 paĝoj. Formato 12 × 18 cm. Prezo B. fr. 0.45 (1934-68).

LEOPOLD KITZLER : Internacia gramatiko de Esperanto. Eldonis Heroldo de Esperanto, Koln. 109 paĝoj. Formato 13,5 × 20,5 cm. (1934-69).

JAC LEM,JR : Nia lernolibro voar de internationale Taal. Eldonis Federatie van Arbeiders Esperantisten, Amsterdam O. 207 paĝoj. Formato 13,5 × 22 cm. Prezo : bind. Sv. Fr. 2.10, broŝ. Sv. Fr. 1.80 (1934-70).

E. K. DREZEN : Standartizacija naučno teĥničeskiĥ ponjatij, obosnačenij i terminov. Eldonis Standartizacija i Racionalizacija, Moskvo. 07 paĝoj. Formato 13,5 × 19 cm. Prezo Rubloj 2.— (1934-71).

MACUE SASAKI : Vortoj de Macue Sasaki. Eldonis Japana Esp. Inst. Tokio. 126 paĝoj. Formato 13 × 19 cm. (1934-72).

*** Oomoto — Fotalbumo Bildperspektivoj de Oomoto. Eldonis Oomoto Centra Oficejo Kameoka, Kioto-Lu. Japanujo. 200 paĝoj. Formato 37 × 29 cm. Prezo Sv. Fr. 20.— inkl. afranko. (1934-73).

RAINER MARIA RILKE : Leteroj al juna Poeto. Eldonis Lit. Mondo, Budapest. 47 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo Sv. Fr. 1.50 (1934-74).

DR. THEODOR HERZL : La Juda Ŝtato. Eldonis Lit. Mondo, Budapest. 144 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo broŝ. Sv. Fr. 2.70, bind. Sv. Fr. 4.20 (1934-75).

MARKO JELUŜIĈ : Cezaro. Eldonis Lit. Mondo, Budapest. 536 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo broŝ. Sv. fr. 9.—, bind. Sv. fr. 11.—, Afranko 10%. (1934-76).

STELLAN ENGHOLM : Al Torento. Eldonis Eld. Soc. Esperanto, Stokholm 1. 96 paĝoj. Formato 13,5 × 20 cm. Prezo Sv. fr. 1.— (1934-77).

*** Sveda Antologio I. Eldonis Eld. Soc. Esperanto, Stokholm 1. 228 paĝoj. Formato 15 × 22,5 cm. Prezo broŝ. S. kr. 5.—, bind. S. kr. 6.50. (1934-78).

## Recenzoj

### Enciklopedio de Esperanto

La Esperantistaro ricevis la plej fidelan, plej kompletan spegulon, en kiu rigardi sin laŭ ĉiuj aspektoj, en kiu studi siajn apartaĵojn ĝi povas agrable kaj plene. Tiu donaco de la eldonejo de Literatura Mondo estas la *Enciklopedio de Esperanto*, kies unua volumo aperis, kies dua, baldaŭ sekvonta, estos eĉ pli ampleksa. La unua parto, kun 384 paĝoj en formato 15 × 23 cm., el kiuj 272 kun teksto sur du kolonoj (literoj A ĝis Ĝ) kaj 112 el glata papero kun 293 fotobildoj, jam impone impresas.

La teksto konsistas el notoj de varia longo, kelkliniaj ĝis multpaĝaj, pri personoj ludintaj iun rolon en nia movado, (eble eĉ oni estus povinta flanklasi multajn nurajn propagandistojn) pri libroj sufiĉe atentindaj kun ties konciza analizo, pri lingvaj speciálaj punktoj, pri niaj organizaĵoj, pri la historio de nia movado ĉe ĉiu aparta nacio. La bildoj estas ĉefe portretoj de pioniroj aŭ t.n. eminentuloj, sed ankaŭ grupoj, libropaĝoj, gazetkolektoj aŭ aliaj indaj memorajaj dokumentoj.

La iniciinto kaj unua redaktoro, I. Ŝirjaev, kiu unue dum jaroj kolektis la materialon de «informlibro, kie Esperantistoj, precipe kursgvidantoj kaj kursanoj, povus senpene kaj rapide trovi koncizajn kaj ĝustajn sciigojn, necesajn al ili pri kio ajn rilatanta al la Esperanta movado», ne ĝisvivis la frukton de sia semado; liaj posteuloj, L. Kőkeni kaj V. Bleier, kun K. Kalocsay por la lingvofako, helpe de multaj diverslandaj kunlaborantoj kaj konsilantoj, kunigis tiom da slipoj, ke la intencita paĝonombro estis duobligota. Sola tiu detalo, ke la afranko de demandaj leteroj elspezigis ok cent svisajn frankojn pruvas la vastan amplekson de l'ĉasado al dezirataj informoj.

Ĉu tiel serioze prilaborita, le Enciklopedio estas senriproĉa ? Neeble. Estas en ŝi manketoj kaj mankoj, eraretoj, tro da neutilaj detaloj ĉi tie, troa malabundo tie; ne ĉiuj kunlaborantoj same konsciis sian taskon; iu rakontas personajn travivaĵojn, alia desupre rigardas tutan epokon. Nur post kelkaj sinsekvaj ĉiam plibonigitaj eldonoj povas tia kompendio pretendi kompletecon kaj fidindecon. Sed la unua paŝo ankaŭ estas la plej malfacila, la plej subteninda, kaj jam unu vera trezoro, facile traserĉebla, kun abundo da nomoj, faktoj, datoj, dokumentoj estas la unua eldono; antaŭe haveblaj tiaj kolektetoj neniiĝas antaŭ jena giganta laboro. Tralegante la artikolojn, ni revidas, kvazaŭ en kina filmo, la tutan estintecon de nia movado; inter la portretoj ni retrovas amatajn vizaĝojn aŭ interese-surprize malkovras fizionomiojn ofte aliece image pensitajn.

La plej ampleksaj ĉapitroj estas tiuj, kiuj pri ĉiu lando skizas ĝian internan Esperantan movadon; ankaŭ tiu pri la Gazetaro. La plej multnombraj estas la biografiaj kaj bibliografiaj notoj. Tre atentindaj, pro la sperteco de l'aŭtoro, estas la prilingvaj rimarkoj, kiuj ja vere ne estas esenca parto de l'verko kaj povus esti aliloke kunigitaj. Inter plene represitaj dokumentoj estas la Bulonja Deklaracio kaj la antaŭparolo de l'Fundamento. Por montri ĝis kie etendiĝas la informaro, sufiĉas citi senorde artikolojn kiel : Ekstereŭropa kaj Aglutina karaktero de Esperanto, Bibliotekoj esperantistaj, Antaŭkongreso en Calais kaj Unua kongreso en Bulonjo, Delegacio-historio, Blinduloj, Cseh-metodo kaj Instru-metodoj, Aviado, Bahaismo, Diservoj, Esperantaj geedziĝoj, Insigno, Himno, Strato Zamenhof (Dzika 9), Entombigo de l'masjtro, Gramofondiskoj, Interna ideo kaj Homaranismo, Muzeo, Iala, k.t.p. ne forgesante du rimarkindajn de Grosjean-Maupin pri Evoluo de Esperanto, kun trafa rebato al neologismemo, kaj pri Ido kaj Esperanto.

Tia listo sufiĉas por montri kiom riĉa estas la Enciklopedio. Post apero de l'dua volumo, ĝi certe fariĝos, apud la Plena Vortaro, la plej ofte traserĉata helpilo por ĉiu verkema, studema, sciema aŭ eĉ simple konscia samideano.

G. S.

### Plena vortaro de Esperanto

*Plena Vortaro de Esperanto* verkita de Prof-ro E. Grosjean-Maupin, A. Esselin, S. Grenkamp-Kornfeld, G. Waringhien. Paris, S.A.T., 67 avenue Gambetta, pp. 512.

Vortaro kies post 4 jaroj oni bezonas novan eldonon estas escepto en la Esperanta eldonfako. Sed oni komprenas tiun sukceson. Kiel antaŭ la Mondmilito oni konsideris, laŭ pli modesta skalo, norma la vortaron de Kabe, tiel en la lastoj jaroj ĉiam pli regis la tendenco konsideri *Plenan Vortaron* kiel komparilon, kompili laŭ ĝi komplementajn vortlistojn en verkoj enhavantaj neologismojn, ktp. Tiu tendenco montras la utilecon de vortaro kun difinoj en Esperanto (tute alia demando estas la oportuneco oficialigi tiajn difinojn); ĝi montras ankaŭ, ke la publiko deziras havi liston pli ampleksan ol la oficiala, kiu tamen konservu la karakteron de konsila listo, ne tro akceptema kontraŭ la svarmado de neologismoj.

La dua eldono entute konservas la karakteron de la unua; sed en multegaj detaloj, redaktaj kaj tipografiaj, ĝi prezentas plibonigojn.

Denove oni admiras la grandan leksikografian talenton de la homo, kiu plej multe kontribuis al la *Plena Vortaro* kaj kiu ne havis la ĝojon vidi ĝian duan eldonon : la kompetenta, modesta, sindonema, neforgesebla Grosjean-Maupin. Indaj je la gvidanto estis liaj du kolegoj por la komuna vortaro — prof. Waringhien kaj S-ro Esselin — kaj la redaktinto de la teknikaj neoficialaj vortoj — S-ro Grenkamp.

La amplekso de la du eldonoj estas pli-malpli la sama laŭ tekstokvanto (la nova eldono havas unu plian linion en ĉiu kolono, kaj kvin malpliajn paĝojn) kaj laŭ radiknombro (kelkaj sufiĉe oftaj vortoj estas aldonitaj — ekz. *klaviklo, piĵamo, soveto, siesto* —, kelkaj teknikaj forstrekitaj — ekz. *begomo, ejakulo, kropfo-*).

La nombro de la radikoj restas do mezvoje inter la listego de Wüster kaj tiuj de Kabe kaj de la *Oficiala Libro* : ekz. por litero D la nuna eldono havas 340 radikojn, kontraŭ 602 de Wüster kaj 213 de Kabe, 197 oficialaj radikoj.

Pro la ĝenerale ĝustaj difinoj, pro la oportunaj ekzemploj, pro la gravaj rimarkoj aldonitaj al la gramatikaj vortoj, mi konsideras entute la verkon kiel nepre rekomendinda al ĉiu serioza Esperantisto.

Ĝuste ĉar mi kredas, ke la verko daŭros esti favore akceptata kaj havos plurajn eldonojn, mi aldonas ĉi-sube kelkajn rimarkojn, kiujn mi faris plurfoje foliumante la verkon, kaj kiuj, pli ol kritikoj, estas konsiloj al la aŭtoroj por estonta revizio.

La karaktero de oficialeco estis markita en la unua eldono per ĉefliteroj, laŭ metodo, kiun mi mem konsilis al mia bedaŭrita amiko Grosjean-Maupin : ekz. *Herbo* kaj *herbario* montras, ke la unua vorto estas oficiala, la dua neoficiala. En tiu ĉi eldono la aŭtoroj plue indikis per antaŭmetita steleto la Fundamentajn vortojn : tial ke oni distingas inter **Herbo* (Fundamenta), *Hermafrodita* (oficiala, sed nefundamenta), *herbario* (neoficiala). Plue, jam en la unua eldono z post la vorto markis la zamenhofecon : ekz. *herbario*z, sed *heni*. Multe pli maloftaj estas aliaj literoj, montrantaj ke la vorto estas patronita de iu grava vortaristo : ekz. *rivalo* D montras, ke la radiko estas trovebla ĉe Millidge. Fine, la siglo *ev* montras, sufiĉe malofte, evitindajn vortojn aŭ esprimojn.

Sed, finfine, ĉiuj ĉi indikoj montras la gradojn de aŭtoritateco, de aprobindeco de la vortoj : pro tio estus eble preferinde forlasi la sistemon de la ĉeflitero, kiu estas oportuna kiam oni volas distingi nur *du* kategoriojn, kaj adopti indikojn apartenantaj al la sama serio, lokitajn ĉu antaŭ, ĉu post la vorto : ĉiam numerojn, aŭ ĉiam literojn, aŭ ĉiam steletojn (kompreneble diversformojn). Pli unuformaj meritus esti ankaŭ la indikoj de la teknikaj vortoj : iom ŝokas la fakto, ke oni havas iam vinjetojn (♥ ⚕ ktp.), iam mallongigojn (Ar, Bb, ktp.). Diskutinda, sed tamen pravigebla, estas la fakto, ke oficialaj vortoj neniam estas konsideritaj teknikaj, dum efektive ili iam estas tiaj (ekz. *kupo, pirozo,* ktp.).

La aŭtoroj prave rekonis kelkfoje, ke la oficiala vorto fariĝis arkaismo, kaj resendas de ĝi al la neoficiala : ekz. *lekcio* resendas al *prelego*. Malpli aprobindaj ŝajnas esti aliaj resendoj : ekz. de la oficiala *skadro* al *eskadrono*. En aliaj okazoj la resendo de unu al alia formo montras la oscilon de la uzado (*plaĝo-strando*), aŭ la ekfiksiĝanta aplikiĝo de diversaj radikoj al diversaj signifoj (*kodo-kodekso* : kp. *farmakopeo* ; *sugesti-sugestii*).

Difinoj, kiujn oni povus plibonigi, kompreneble ekzistas : ekzemple :

*eŭnuko* (kial nur ĉe orientaj haremoj ?) ;
*folkloro* (ankaŭ popolarto apartenas al folkloro) :
*franko* (ankaŭ svisa kaj belga) ;
*humanismo* (difinenda pli historie : unua fazo de Renesanco) ;
*kalifo* (difinenda pli ĝenerale : ankaŭ en Kordovo estis kalifo) ;
*knabo* (pli aĝa ol infano) ;
*kolegio* (malfacila por difini, kiel la institucioj, kiuj havas similan nomon en diversaj landoj, ekz. *gimnazio, kuratoro, lektoro*, ktp. : estas necese aludi al tiu laŭlanda diverseco) ;
*Kristo* (ĉu ne ankaŭ, ekz., de la Ortodoksa Eklezio ? ; estas necese difini pli historie);
*legacio* (ne vicambasadorejo, sed malpli altranga ambasadorejo) ;
*stilistiko* (povas havi sciencan fizionomion, kiel branĉo de la lingvistiko) ;
*ŝilingo* (ankaŭ aŭstra) ;
*versto* (aldoni la metran valoron, kiel ekz. ĉe *jardo*) ;
*virga* (forstreku *ankoraŭ*).

Pluaj subdifinoj povus esti aldonataj al pluraj vortoj : *ekz. baroko* (baroka literaturo), *kandidato, krono* (monero), *sinkopo* (gramatiko, muziko) ; figuraj signifoj al aliaj, ekz. *kameleono, vulpo*.

Pri la vortoj aldonindaj aŭ forstrekindaj kompreneble « kiom da kapoj, tiom da ĉapoj ». Eble oni serĉos la vortojn *etoso, hajduko, karavelo, koherero, menŝevismo*.

La preseraroj estas tre malmultaj. Jen kelkaj, kiujn mi rimarkis : p. 133, s. *flegmono*, legu *abscesego*, p. 174, s. *hilumo*, legu *ovulo*, p. 270, s. *krono*, legu *markiza*. *Kampanjo* ne estas oficiala radiko. *Mastodonto* ne estas mineralogia termino. Forstreku, s. *megomo*, la citon de *begomo*.

Bruno Migliorini.

---

# Fianĉiĝo

S-ro Jacques Neukomm, D de UEA en Pompey, Francujo, kun F-ino Mathilde Simon, Brebach, Saarteritorio.

# Edziĝo

S-ro Misiisto John Williamson, Delegito de UEA, en Dodoma (Tanganyiko).

# Naskiĝo

Al gesinjoroj R. Levin, en Lyon (Francujo), naskiĝis filineto.

# Oni dankas

*** S-ro Alvin L. Ziegenhagen, Poy Sippi, Wisconsin, Usono, tre dankas S-ron C. William, D en Stettin, Germanujo, por interesaj faktoj, kiujn li akiris kaj havigis al mi laŭ la historio de mia prapatroj en Germanujo.

*** Ges-anoj Walter kaj Maria Mudrak, Wien, tre dankas al la ges-anoj de Venezio, Firenze kaj Romo pro afabla helpemo dum neforgesebla edziĝvojaĝo.

*** S-ro Lévay Géza dankas al s-ro Vaclav Ĉansky, D en Praha, pro grava interveno en la Ministerio Interna.

# Petoj kaj Proponoj

Samideanoj el ĉiuj landoj, *pacamikoj*, sendu PM kaj korespondajojn al S-ino Nadène Vermot, Châtelard, 10, en Le Locle, Svislando, prezidantino de la filatelista grupo, laboranta je la profito de la libervola helposervo.

*Remetekertvaros* (Hungarujo). — S-ro Julio Némethy, Matyas kiralyut 14, kolektas kartografiajn poŝtmarkojn kĉl.

*Poŝtstampoj-(kartoj) Esp.* estas serĉataj de S-ro Ernst Anderegg, Horn (Bodensee), Svislando.

*S-ro Hans Kellermann*, Remiisto el Salzburg, Aŭstrio, estas serĉata de S-ro Fr. Reiter, Jurnalisto en Unkur, Aŭstrio, kiu nun grave malsanas. Skribu la adreson al S-ro Fernand Buecher, Del. de UEA, en Mulhouse, Francujo, 38, rue des Abeilles.

*Nekatolikoj* kiuj deziras informojn pri la katolika kredo senpage povas ricevi ilin de Fr. M. Monulfus, sekretario de la Internacia Katolika Informejo. 's-Hertogenbosch, Nederlando.

## Esperantista Lingva Komitato
## Akademio

Sekcio de Kontrolo
Prezidanto :
M. Rollet de l'Isle
35, rue du Sommerard
PARIS (5e)

**Oficialaj sciigoj de la Akademio**
(N-ro 7 — Decembro 1934)

### NORMIGO DE LA NACIAJ LINGVAJ DIPLOMOJ

Ju pli Esperanto disvastiĝos en la praktikajn rondojn, kiuj bezonos oficistojn, kaj komence interpretistojn, des pli necesos, ke povu esti facile kaj certe kontrolata la lingva scipoveco de la kandidatoj al tiuj postenoj.

Ankaŭ tio estos utila al la internaciaj esperantaj organizaĵoj, kiuj bezonos lertan oficistaron.

Ĉar tiu scipoveco estas certigita de la naciaj lingvaj diplomoj, necesas por ke ili ebligu komparon de la kandidatoj laŭ tiu vidpunkto, ke ilia relativa valoro estu konita.

*Tiu ĉi rezultato estos atingita se sur ĉiu nacia diplomo estos menciita ĝia valoro kompare al tiu de kelkaj normaj diplomoj, fiksitaj laŭ raciaj principoj.*

La *Sekcio de Kontrolo* starigis tiajn normajn diplomojn, per kiuj oni scios la rilatan valoron de ĉiu nacia diplomo, menciotan sur ĝi per la teksto jena :

*« Laŭ sciigo de la Sekcio de Kontrolo de la Akademio, posedanto de tiu ĉi diplomo kapablas ricevi la ... diplomon. »*

*Atentindaj rimarkoj :*

1o Tiu determinado tute ne celas trudi, aŭ eĉ proponi ŝanĝon en la programo aŭ konsisto de la ekzamenoj por la naciaj diplomoj.

2o La aldonota mencio ne signifas respondecon de la Akademio pri la lingva scipoveco de la posedanto ; pri ĝi nur respondas la naciaj ekzamenantoj.

3o Tamen la posedanto rajtos aldoni, post sia nomo, la literojn respondantajn al la norma diplomo menciita.

#### *Normaj Diplomoj*

I. *Norma elementa diplomo* (N.E.D.) certiĝas, ke la posedanto kapablas uzi la lingvon skribe kaj parole por la bezonoj de la ĉiutaga vivo ;

II. *Norma supera diplomo* (N.S.D.) certigas, ke la posedanto, kiu jam posedas la elementan diplomon, kapablas uzi la lingvon pri literaturaj kaj teknikaj temoj ;

III. *Norma klereca diplomo* (N.K.D.) certigas, ke la posedanto tute kaj ĝisfunde scipovas la lingvon, kaj konas ĝiajn bazojn, konstruon, historion kaj literaturon ;

IV. *Norma diplomo pri instrua kapableco* (N.I.D.) certigas, ke la posedanto kapablas instrui Esperanton, gvidante kursojn, ĉu por la elementa diplomo, se li posedas la superan diplomon, ĉu por la supera diplomo, se li posedas la klerecan diplomon.

#### *Normigitaj Naciaj Diplomoj*

(Post ĉiu ekzameno, la litero inter krampoj montras la respondan norman diplomon : E = elementan ; S = superan ; K = klerecan ; I = instruan.)

*Aŭstrujo :* *Ŝtataj ekzamenoj :* atesto pri scipovo de Esp. (E); atesto pri instrua kapableco (I).

*Belgujo :* Ekzameno pri profesoro-kapableco (I).

*Britujo :* *Ekzamenoj de B.E.A. :* elementa atesto (E) ; supera ekzameno, diploma atesto D.B.E.A. (S) ; licenciata diplomo L.B. E.A. (K) ; instruista diplomo (I). *Ekzamenoj de Royal Society of Arts :* elementa (E) ; meza (S.).

*Ĉeĥoslovakujo :* Ekzamenoj : pri scio de Esp. (E) ; pri kapableco instrui Esp. (K, I) ; oficiala ekzameno (S, I).

*Estonujo :* Ekzamenoj : pri kapableco (E) ; pri scienca kapableco (S) ; pri scienca pedagogia kapableco (I) ; pri kapableco por kursgvidado (I).

*Finlando :* Elementa diplomo (E) ; supera diplomo (S).

*Francujo :* Atesto pri lernado (E) ; supera atesto pri lernado (S) ; atesto pri instrukapableco (I) ; diplomo pri altaj esperantaj studoj (K, I).

*Germanujo :* Ekzamenoj : pri kapableco (E) ; pri kapableco kaj kursgvidado (I) ; pri pedagogia kapableco (S, I) ; pri scienca kapableco (K).

*Grekujo :* Atesto pri studado (E) ; atesto pri lingva kapableco (S ; ; profesora diplomo (K, I).

*Hindujo nederl. (Javo) :* Atesto pri lernado (E) ; diplomo pri kono (S) ; diplomo pri kapableco (S, I).

*Hispanujo :* Atestoj : pri elementa kapableco (E) ; pri supera kapableco (S).

*Hungarujo :* Ekzamenoj : parola (E) ; kursgvida (S, I).

*Norvegujo :* Ekzamenoj : elementa aŭ unuagrada (E) ; supera aŭ duagrada (S).

*Svedujo :* Ekzamenoj : elementa (E) ; supera (S), kaj eventuale instrua pri elementaj kursoj (I) ; instruista por ĉiuj kursoj (I).

*Svisujo :* Atesto pri lernado (E) ; supera diplomo (S, I).

La Asocioj aŭ Institutoj de Brazilo, Dancigo, Japanujo, Katalunujo, Polujo, Rumanujo ne sendis la petitajn sciigojn.

La Asocioj de Italujo kaj Nederlando nun reorganizas siajn ekzamenojn.

Ŝtataj ekzamenoj estas en Aŭstrujo, kaj oficialaj en Britujo kaj Ĉeĥoslovakujo.

*La Prezidanto :*
M. Rollet de l'Isle.

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE. Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/5 :
N-ro 2 — Decembro 1934

### Subtenantoj 1934 — Dekunua listo

341. S-ro Inĝ. J. R. G. Isbrücker, 's Gravenhage, Nederl.
342. S-ro D. R. Tullo, Edinburgh, Britujo.
343. S-ro Franz Braŭn, Rodann, Aŭstrio.
344. S-ro J. E. Crary, Terry, Usono.
345. S-ro Andres Villafranca, Buenos-Aires, Argentino.
346. S-ro Roger Bernard, Bois-Colombes, Francujo.
347. S-ro Willy Duregger, Traunstein, Germanujo.
348. S-ro Noel Wooding, Leicester, Britujo.
349. S-ro D-ro A. Malmanche, Rueil-Malmaison, Francujo.
350. S-ino M. E. Korndörffer, 's Gravenhage, Nederl.
351. F-ino G. Jongbloed, Arnhem, Nederlando.
352. F-ino G. H. Moxon, Leigh-on-Sea, Britujo.
353. S-ro J. Farrand, Doncaster Britujo.
354. S-ro H. W. Holmes, London Britujo.
355. S-ro Algot Blid, Nynäshamm, Svedujo.
356. F-ino Francina P. Termaat, Delft, Nederlando.
357. F-ino S. W. Bloemendal, Lochem, Nederlando.
358. F-ino Mies Smith, Amsterdam, Nederlando.
359. S-ro Hector Boffejon, Wilrijk-Antwerpen, Belgujo.
360. F-ino Magda Carlson, Säffle, Svedujo.
361. F-ino Lucile Senez, Saulieu, Francujo.
362. S-ro Alfred Rivier, Nice, Francujo.
363. F-ino Cath. Pannevin, Boulogne-sur-Mer, Francujo.
364. S-ro A. O. Rösegg, Oslo, Norvegujo.
365. S-ro Pierre Petit, Rosny-sous-Bois, Francujo.
366. S-ro Baart de la Faille, Arnhem, Nederlando.
367. F-ino J. Decaudin, Arras, Francujo.
368. S-ro Rodolfo Bagués, Buenos-Aires, Argentino.
369. F-ino A. B. Edwards, Bishop Auckland, Britujo,
370. S-ro R. Robertson, London, Britujo.
371. S-ro W. R. Mackay, Ilford, Britujo.
372. F-ino A. J. Klootwijk, Soest, Nederlando.
373. S-ro Nils Okland, Rommetveit, Svedujo.
374. S-ino M. Millies, Hamburg, Germanujo.
375. S-ro Michele Arabeno, Genova, Italujo.
376. S-ro Walter Weber, Erfurt, Germanujo.
377. S-ro Johann Tichawski, Katowice, Polujo.
378. S-ro A. L. Richardson, Whittley Bay, Britujo.
379. S-ro Andrijs Fridenbergs, Riga, Latvio.
380. S-ro Louis Bouvier, Poix, Francujo.

### Skriba Elekto de la Komitato de UEA.

Post la provizoraj elektoj dum la Universala Kongreso en Stokholmo pri la alelektitaj Komitatanoj kaj Estraranoj (vidu «*Esperanton*», aŭg.-sept. 1934, pĝ. 126) la Centra Oficejo organizis laŭstatute skriban kaj sekretan elekton definitivan.

La kontrolo de la voĉdoniloj post fiksita limtempo montras la jenon :

*Membroj alelektitaj de la Komitatanoj*

| | |
|---|---|
| Nombro de voĉdonrajtigitoj | 27 |
| Ricevitaj vocdoniloj | 21 |

Estas alelektitaj :

| | Voĉoj : |
|---|---|
| S-ro Blaise, Morden, Britujo | per 20 |
| S-ro D-ro Canuto, Torino | » 20 |
| S-ro Cseh, 's-Gravenhage | » 17 |
| S-ro Isbrücker, s'-Gravenhage | » 19 |
| S-ro Malmgren, Stockholm | » 20 |
| S-ro Merchant, Sheffield | » 21 |
| S-ro Rollet de l'Isle, Paris | » 21 |
| S-ro Steiner, Wien | » 20 |
| S-ro D-ro Vogt, Stuttgart | » 20 |

Pliajn voĉojn ricevis : S-ro D-ro Privat ... 2

La *Komitato elektis kiel*

| | | |
|---|---|---|
| *Prezidanton:* | S-ron Bastien, Paris | per 21 |
| *Vicprezidantojn:* | S-ron Isbrücker, s'-Gravenhage | » 19 |
| | S-ron D-ron Vogt, Stuttgart | » 19 |

Pliajn voĉojn ricevis kiel Vicprezidantoj :

| | |
|---|---|
| S-ro D-ro Canuto | 1 |
| S-ro Merchant | 1 |
| S-ro D-ro Privat | 1 |
| S-ro Steiner | 1 |

*Elekto de la Estraro*

| | |
|---|---|
| Nombro de voĉdonrajtigitoj | 36 |
| Ricevitaj voĉdoniloj | 29 |

La *Komitato* elektis kiel

*Prezidanton:*

| | |
|---|---|
| S-ron Bastien, Paris | per 29 |

*Vicprezidanton:*

| | |
|---|---|
| S-ron Isbrücker, 's-Gravenhage | » 26 |

*Anojn:*

| | |
|---|---|
| S-ron D-ron Kamaryt, Bratislava | » 29 |
| S-ron Malmgren, Stockholm | » 27 |
| S-ron D-ron Orengo, Milano | » 27 |
| S-ron Steiner, Wien | » 28 |
| S-ron D-ron Vogt, Stuttgart | » 26 |

Pliajn voĉojn ricevis, kiel

| | | |
|---|---|---|
| Vicprezidanto : | S-ro Steiner | 1 |
| | S-ro D-ro Vogt | 1 |
| Anoj : | S-ro Blaise | 1 |
| | S-ro Goldsmith | 1 |
| | S-ro D-ro Privat | 1 |
| | S-ro Stettler | 1 |
| | S-ro Walther, Dresden | 1 |

La subskribintaj membroj de UEA en Ĝenevo kontrolis la voĉdonilojn kaj certigas la korektecon de la procedo.

Ĝenevo, la 27 novembro 1934.

**A. Rehmann, M. Movo, Madeleine Vuille**
**Ĉeestanto : Rob. Kreuz, direktoro de UEA.**

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Alĝerio**

*Biskra.* — D : Me Roger Touitou, Advokato. Rue Besse.

**Belgujo**

*Millen-Tongeren.* — D : Louis Geukens, Fruktkulturisto, Langstraat.
*Angleur-Liège.* — D : Maxime Leroy, Profesoro, 19, rue de Chénée.

**Britujo**

*Kings Lynn.* — D : W.F. Lambert. Dometo, South Wootton.
*Brondley.* — D : F.W. Shaw. Mount Flor.

**Francujo**

*Lisieux* (Calvados). — D : Georges Lechevalier.
*Montargis.* — D : Jean Coubault. 61, Faubourg de Lyon.

**Norvegujo**

*Tromsö.* — D : Olav Holm, Bakmastro.

*La supraj elektoj fariĝos validaj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo, neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

## EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Britujo:* Darwen; South Shields; Stockport.
*Bulgarujo:* Kričim.
*Ĉeĥoslovakio:* Vimperk.
*Francujo:* Rennes.
*Litovio:* Kėdainiai.
*Nederlando:* Alkmaar.
*Svislando:* Bellinzona.

---

*Asocia sidejo.*

Ni atentigas pri tio, ke la sidejo de la asocio troviĝas ĉe la *Centra Oficejo de UEA*, 1, *Tour de l'Ile, Genève*, kien estas adresotaj ĉiuj korespondajoj, koncernantaj la agadon de la UEA. La Centra Oficejo zorgas mem pri la necesa transdono al la rilata instanco.

Pro gravaj aferoj aldono de duplikato estas dezirinda por faciligi kaj rapidigi la ordigon.

La prezidanto de UEA ne disponas pri aparta sekretariejo kaj transdonas ĉiujn aferojn por prilaboro al la Centra Oficejo. Pro tio ni petas eksplicite, ne sendi korespondajojn por la asocio, rekte al la prezidanto. Tia procedo neniel akcelas la pritrakton, sed nur kaŭzas konfuzon aŭ komplikajojn.

*Telegram-adreso:*

Telegramoj al la Centra Oficejo estas de nun adresotaj al :

Esperantocentro
Genève

" Esperantocentro " kalkulas tarife kiel I vorto.

*Liverado de « Esperanto ».*

Ni informas per tio ĉiujn M.A. kaj izolajn abonantojn de nia organo, ke per la nuna numero de « Esperanto » finas la jarkolekto 1934. Tuja realiĝo aŭ reabono por 1935 estas necesa por certigi al si la novan jarkolekton.

Ni sendos memorige al ĉiuj pagintoj por 1934 la januar-numeron 1935, sed povos daŭrigi la liveradon postan nur, se okazis repago por la jaro 1935.

La decembra numero malfruiĝis pro cirkonstancoj transpasantaj nian forton. Kun la januar-numero estos certigata la regula elveno.

*Grava akcidento de la direktoro.*

Sekve de subita cerba anemio, kaŭzita de absoluta laciĝo pro tro streĉa laboro dum la lastaj monatoj la subskribinta direktoro estis surstrate trafita de nerv-akcidento. Post tri malfacilaj tagoj li estis ekster vivdanĝero; sed paralizo de la maldekstra flanko devigis lin resti en lito dum 25 tagoj. La ĉefa reorganiza laboro, preskaŭ finita, devis esti interrompata. Li direktis la laborojn de el la lito.

La amplekso de l'laboro dum la monatoj de realiĝo kaj la ceteraj malhelpoj, ne ebligis eviti amasiĝon de aferoj kaj malfruon en la pritrakto. Ankoraŭ sen permeso de la kuracisto, la direktoro jam plejparte reprenis sian agadon por certigi regulecon de la oficejo. Li faros sian eblon por kontentigi ĉiujn. Oni helpos al li, per mallongeco kaj klareco en nepre necesaj korespondajoj.

Ĝenevo, 23 decembro 1934

Robert KREUZ, Directoro.

---



## KORESPONDU INTERNACIE

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0,30 (= 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, malsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*Abonantoj rajtas unufoje en la jaro publikigi en "ESPERANTO" senpage anonceton pri korespondado, enhavantan ĝis 10 vortoj. Pluaj vortoj estas pagotaj — — — laŭ la supra tarifo. — — —*

La anoncintoj havas la moralan devon respondi almenaŭ unu fojon al ĉiu sekve de la anonco ricevita korespondaĵo.

**Mallongigoj :**

*bfl.:* poŝtmarko sur la bildflanko.
*c.r.:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto ilustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*sro:* sinjoro.

---

*Aiĉi-Ken* (Japanujo)
S-ro Masaĝi Joĝo, Hira Jamada-Mura, Niŝikasgai-Gun, dez. korespondi kĉl. L., PK., PM., C.r.

*Catarroja* (Valencia, Hispanujo)
S-ro Salvador Puchalt, carrer de Sagasta, nur kun f-inoj per PI.

*Nieder-Russbach* (Aŭstrio)
S-ro Franz Prokop, 21 jara, dez. kor. kun fraŭlinoj en norda Afriko, Francujo, Italujo, Anglujo kaj norda Eŭropo. C.r.

*Dolni Dobrouč* — N-ro 65 (Ĉeĥoslovakio)
S-ro Ludvik Pecháček, L., PI., bfl., kun gekunjunuloj ĉ. l. C.r.

*Praha II* (Ĉeĥoslovakio)
S-ro Harry Khel, oficisto ĉe Gutenbergův dům, Krakovska 13. L., PI., Gaz., PM., libroj, fotoj de nudarto, muziknotoj, kĉl. C.r.

*Rakospaloty* (Hungarujo-Budapest)
S-ro E. Fukasz, Bocskay-u. 58, komponisto, L. kun fraŭlinoj. C.r.

*Sevilla* (Hispanujo)
S-ro Francisco Alba, str. Francos 48, intŝ. PM. laŭ kvanto; sendas ankaŭ PI., gazetojn ktp kontraŭ PM. C.r.

*S. Carlos* (Est. S. Paulo, Brazilo)
S-ro Sylvio Espinheira, Rua 13 de Maio No 91, dez. kor. PI., k.ĉ.l.

*Santos* (Est. S. Paulo, Brazilo)
S-ro José Homem de Mello, Praĉa Ruy Barbosa 27, salas 2 e 5, dez. kor. PI., k.ĉ.l.

*Slonava* — N-ro 100 (Ĉeĥoslovakio)
S-ro Paŭlo Bartulec dez. kor. kun jenaj Eŭropaj landoj : Latvio, Turkujo, Dancigo, Irlando, Islando, Saarteritorio, Grekujo, Albanio, Luksemburgo, Liĥtenstejno kaj Monako, krom tio kun ĉiuj ekstereŭropaj landoj. C.r.

*Villanueva Minas* (Hispanujo)
S-ro Juan Moros Ojeda, str. Cervantes 4, intŝ. PM., sendas ankaŭ PI., gazetojn ktp kontraŭ PM. C.r.

*Zittau* (Sachsen, Germanujo)
S-ro Otto Formann, Aeussere Weberstrasse 72, intŝ. PM. de Eŭropo. Li sendos germanajn kaj altvalorajn PM de Svedujo kaj Jugoslavio. C.r.

*Zittau* (Sachsen, Germanujo)
S-ro Richard Rönsch, Rathausplatz 11, intŝ. PM de Eŭropo. Li sendos germanajn kaj altvalorajn PM de Svedujo kaj Jugoslavio. C.r.

*Sao Paulo* (Brazilo)
S-ro Geraldo Brito, Rua Martiniano de Carvalho, N-ro 99-A, dez. kor. PI., kĉl.

*Rychnov n. Kn.* (Ĉeĥoslovakio)
S-ro Jar. Stransky dez. kor. kĉl. kaj intŝ. PM. laŭ Michel. C.r.

*Santos* (Est. S. Paulo, Brazilo)
S-ino Hortense Marinho Homem de Mello, Atlantico Hotel, dez. kor. PI., k.ĉ.l.

*Santos* (Estado de S. Paulo, Brazilo)
S-ro Roberto Silva, Atlantico Hotel, dez. kor. PI., k.ĉ.l.

## EN LA KORO DE EŬROPO

**naskiĝis la sensalamoniaka baterio ESPERANTO-PALABA Ĝi estas destinita por la tuta mondo kaj ĝia interpretisto tial fariĝis esperanto —**







**la lingvo de ĉiuj nacioj. Konvinkiĝu pri la kvalito de la bona baterio**

**ESPERANTO PALABA**

**Pála akc. spol.**

**SLANÝ**

**(Ĉeĥoslovakio)**

---

**HOTEL ADLER**

VADUZ (Liĥtenstejno)

Ĉambroj depost sv. frk. 3.50

Moderna komforto

---

**ALBERGO SEMPIONE**

**MILANO,** via Manuzio, 11

Ĉia komforto-

Tre zorgata kuirado

Ĉambroj unulitaj ekde 10 Liroj

» dulitaj » 20 »

Plena Pensiono L. 25

---

**HOTEL WOODMERE**

26-27 Courtfield Gds

**KENSINGTON S.W. 5** (Britujo)

Ĉiuj litĉambroj kun kuranta akvo. Komfortaj litoj. Elektra kuirado. Lifto. Ilustrita libreto laŭ peto.

*La estro estas Esperantisto kaj petas subtenon de samideanoj.*

---

Tiu ĉi spaco kostas

**Svis. Fr. 10.—**

Rabato por ripeto :

3 fojoj — 5 %

6 » — 10 %

12 » — 20 %

---

**UNUNURA ALVOKO AL UEA-DELEGITARO KAJ ESPERANTISTAJ GRUPOJ**

La fak-societoj ludante gravan rolon por nia movado, 60 diverslandaj taksiistoj deziras krei Internacian Asocion. Tial ili petas vin tion sciigi kaj inciti taksiistojn de viaj urboj lerni Esperanton.

*Skribu :*

**«Artisans du Taxi»,** 94, Quai Jemmapes, **PARIS 10e.** (Francujo)

*aŭ al :*

**«Cabmen Esp.»,** 19 Bowingdon, Av. Wembley, **MID'SEX** (Anglujo)

---

Tiu ĉi spaco kostas

**Svis. Fr. 5.—**

Rabato por ripeto :

3 fojoj — 5 %

6 » — 10 %

12 » — 20 %

---

**HOTEL DES ETRANGERS**

*Rue Florestine*

**MONTE CARLO** (Monako)

Ĉiu komforto

Esperanto parolata

---



Ĉiuj muzikinstrumentoj, kordoj, ingoj, muzikiloj por ĝazo rekte de

**MAX BECKER,**

**Markneukirchen/Sa,**

Gabelsbergerstr. 11

(Germanujo).

---

## KIAL LA KVAKEROJ

**(Angla Societo Religia)**

helplaboris dum kaj post la Granda Milito en Francujo, Germanujo, Italujo, Aŭstrujo, Rusujo, Grekujo k.t.p. ?

## LEGU

**«LA KVAKERISMO : RELIGIO SEN RITOJ»**

havebla de S-ro J.T. HARROD, 66, Kineton Green Road, Olton, Birmingham, Anglujo, post ricevo de unu respondkupono ;

12 ekz. por 1 ŝ. 6 d. (angla mono) aŭ **6 fr. fr.**

---

## KIU HAVAS INTERESON

pri pretigo de LUMBILDSERIO sur filmbendo PRI ESPERANTO ?

Kosto de 60 bildoj estas proksimume sv. Frk. 5.—, sendebla en alumeta skatoleto, kiel specimeno.

*Skribu* al Hungara Esperanta Skolta Rondo, Budapest, V., Nagy Sando — u.6.

---

## AVERTO

Ni ricevis plurajn gravajn plendojn de konatoj kaj honorindaj Esperantistoj (F-ino Lidja Zamenhof, S-ro K. Minor, S-ro F. E. Wadham, F-ino L. Briggs kaj Brita Esperantista Asocio) kontraŭ la firmo « Popularа Esperanto-Biblioteko » en Amsterdam, pro nepago de la kontraktitaj tradukistaj honorarioj, nelivero de aŭtoraj ekzempleroj, nerespondo je leteroj kaj neplenumo de mendoj. Kun la nomita firmo, kiun ankaŭ ni helpis, akirante al ĝi la manuskripton de « Quo Vadis ? » kaj rekomendante ĝin en niaj kursoj, ankaŭ ni havis tre malbonajn spertojn. Tial ni sentas, ke estas nia devo, baziĝanta sur la necesa solidareco inter la honestaj Esperantistoj, averti kontraŭ la nomita firmo. — Aliaj gazetoj estas petataj represi.

Hago, 30-Oktobro 1934.

*Int. Cseh-Instituto de Esperanto.*

---

18-JARA HEBREINO.

9 jarojn vivinta en Germanujo kaj tie vizitinta gimnazion, depost 2 jaroj en Parizo, kie ŝi faris la examen d'equivalence kaj nun studas en la universitato (Sorbonne) aplikan psikologion, deziras pasi la someran libertempon en klera familio en Anglujo por perfektiĝi en la angla lingvo. Kompensante ŝi povas instrui germanan, francan aŭ rusan lingvojn, kiujn ŝi funde posedas teorie kaj praktike. **F-ino Judith Wittenberg** 84, rue Jullien, **Paris-Vanves** (Franclando).

---

Por la anonc-servo de « Esperanto » ni bezonas ĉiuloke viglajn kaj lertajn kunlaborantojn. Altą maklero. Oni turnu sin al la Centra Oficejo.